REVUE FRANÇAISE D'ESPERANTO

PUBLICATION MENSUELLE

Mars-Avril 1961
29e Année
— N° 197-8 —

FRANCA ESPERANTISTO

34, Rue de Chabrol. Paris Xe — Métro : Gare de l'Est ou Poissonnière — Tél. : PRO. 55-03.

EPERNAY



# LA URBA TEATRO



(Kliŝo, Agence Havas).

Le Théâtre d'Epernay

La Sidejo de la 53-a Nacia Esperanto-Kongreso
(la 20, 21 kaj 22 Majo 1961)

# FRANCA ESPERANTISTO
## REVUE FRANÇAISE D'ESPERANTO

**Secrétariat :**

**Mlle Y. PAULIER.** - Le Secrétariat est ouvert tous les jours de 9 h. à 12 h. et de 14 à 18 h. (sauf dimanches et mardis). Pour toute réponse, joindre une enveloppe timbrée à votre adresse. - **Pour tout envoi d'argent, précisez soigneusement la destination des sommes envoyées sur le talon du mandat.**

**Rédaction :**

**M. Jean THIERRY,** UEF, 34, rue de Chabrol, PARIS X^e^. Tél. : PRO. 55-03.

Tous les articles et communiqués ne peuvent être insérés qu'aux conditions suivantes : **être toujours dactylographiés** sur un seul côté de la feuille, avec une marge pour faciliter la lecture et la correction **(un double interligne).** Tous les articles **ne se conformant pas à ces conditions seront refusés par la rédaction.**

*Prière d'envoyer des clichés, et non de simples photos.*

Pour toute demande de renseignements, prière de joindre **une enveloppe timbrée avec l'adresse.**


**U.E.F. COTISATIONS U.E.A.**

Les versements sont à effectuer au trésorier fédéral ou, à défaut, à l'U.E.F. Paris C.C.P. 855-35 Paris.

| | NF |
|---|---|
| **MEMBRE APPROBATEUR** | 1,50 |
| **MEMBRE ACTIF** | 3,50 |
| **MEMBRE ACTIF** (avec abonnement à la « RF d'E ») | 10 |
| **MEMBRE JUNIOR : moins de 21 ans*** (TEJO) et **étudiants**** | 6 |
| **MEMBRE BIENFAITEUR UEF** (avec abonnement à la « RF d'E »). | 20 |
| **MEMBRE A VIE UEF** (avec abonnement à la « RF d'E ») | 300 |
| **Abonnement seul à la REVUE FRANÇAISE D'ESPERANTO** | 7 |
| **Pour l'étranger — Por eksterlandaj abonantoj** | 8 |
| SUPPLEMENT POUR **UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO** | |
| **MEMBRO JARLIBRO** (reçoit l'Annuaire d'UEA) | 10 |
| **MEMBRO ABONANTO** (reçoit « Esperanto » et Annuaire) | 20 |
| (La kotizoj de junuloj ĝis 21 jaroj* estas **respektive 5 NF** kaj **10 NF** ; nun JMJ kaj JMA estas aŭtomate **TEJO-anoj** ; la pliaĝaj studentoj pagas **plenan** kotizon). | |
| **MEMBRO SUBTENANTO** | 30 |
| **SIMPLA ABONO AL « ESPERANTO »** | 15,50 |

Les versements concernant le Groupe des Educateurs Espérantistes sont à faire à G.E.E., 6, Rue de la Paix, Baugé (M.-et-L.) C.C.P. Nantes 1501-41. Membre simple : 800 F ; de soutien : 1.000 F ; bienfaiteur : 1.200 F (8, 10 et 12 NF).

* Indiquer la date de naissance ; ** indiquer la Faculté.

# TUTMONDA ESPERANTISTA JUNULARA ORGANIZO

*17a Internacia Junulara Kongreso en Wokingham*

La Esperantista junularo organizas sian 17an Internacian Kongreson en Wokingham (Anglujo) de la 12a ĝis la 19a de aŭgusto 1961.

La programo, planita por tiu okazo interesos, ni esperas, multajn francajn Esperantistojn. Krom la laborkunsidoj, dum kiuj oni diskutos la problemojn proprajn al tiu organizo, gvidata de la junuloj mem, la partoprenantoj profitos kulturan programon (oratora konkurso — prelegoj — filmoj), plurajn ekskursojn (al Oxford-Londono- kaj aliaj urboj), kaj multajn amuzaĵojn (balo — sportaj konkursoj — amuzvespero — subĉiela vespero). Do, multajn okazojn amuziĝi kaj praktiki ESPERANTON.

La kotizoj, por tre interesa prezo, inkluzivas la tutan partoprenon en la Kongreso : ĉiuj manĝoj, dormado, kaj ĉiuj kongresaj ekskursoj aranĝoj.

La kotizoj, estas *por membroj de TEJO :*

| | ĝis I-VII-61 |
|---|---|
| MALPLI OL 20 jaraj | 110,40 NF |
| PLI OL 20 jaraj | 116,00 NF |

Nemembroj de TEJO devas pagi 8 NF pli.

La antaŭpagon de 56 NF oni pagu je aliĝo. La cetero de la kotizo estas pagenda je alveno. *Aliĝo sen tiu antaŭpago ne validas.*

La nombro da partoprenantoj estas severe limigita. Frue aliĝo estas do konsilinda.

La petojn por komplementaj informoj, la aliĝilojn kaj kotizojn por la francaj partoprenantoj, vi sendu al :

F-ino N. BLANC, Lab. Déptal, 2, rue Charles-Roy, NEVERS (Nièvre). C.C.P. 1013-44 ORLEANS.

Junuloj sub 21 jaroj sendu kun sia aliĝilo permeson skribitan de la patro (aŭ patrino, se vidvino) kun subskribo legitimita).

Vi aldonu 1 poŝtmarkon, se vi deziras respondon.

# EPERNAY

Dum jarcentoj — de la romia okupado ĝis la milito de 1939 — Epernay spertis tiom da sieĝoj kaj travivaĵoj, ke preskaŭ ne plu restas en ĝi malnovaj monumentoj por prezenti al la videmo de l' vizitantoj.

La intereso kuŝas en la geografia situo kaj pejzaĝa beleco. De la vigla kaj komerca centro oni rapide supreniras unu el la montetoj, kiuj ĉirkaŭe superstaras la urbon. La vido sur la Marnovalon estas rava, kaj de tie supre aperas tre klare Epernay, kiel ĉefurbo de l'ĉampania vitejo. Por ĝi la vinberejoj formas kronon, el kiu AY estas la plej proksima kaj riĉa juvelo.

Ĉe la kolektotempo amasiĝas la valora suko el ĉiuj premiloj — la nova vino el ĉiuj famaj vitrikoltoj de la ĉirkaŭaĵo — en la kelojn de tiuj ĝemelaj urboj. Ties nomoj radias tra la mondo, kaj tamen la aspekto estas modesta. Ja sur la apudaj deklivaĵoj, sternitaj sub la suno, necesas serĉi ilian ekzisto-pravon kaj riĉecon, kiujn ili ambaŭ vartas kaj poste gardas en la sekreto de sia subtero !

Indas ne maltrafi la viziton de unu el tiuj famaj kelegoj, same kiel de la vita muzeo, kiu per gravuraĵoj kaj objektoj ilustras la paciencajn zorgojn kaj laborojn, donintajn al nia ĉampanvino ties aktualan famon.

La keloj de l'grandaj ĉampanfirmaoj — kiuj kelaj galerioj pli ol cent kilometrojn longaj etendiĝas sub parto de la urbo — estas unika kuriozaĵo. Tie preparitaj kaj milionope enmagazenigitaj estas de l' ŝatata trinkaĵo la boteloj, kiuj estos poste senditaj tra la tuta mondo.

La vizito de ĉi tiu subtera urbo posedas nekompareblan logon.

Multaj kromaj industrioj gravitas ĉirkaŭ la ĉampana (presejoj, korko-, kesto-, botelujo-, kolbrideto, stanfolio-fabrikoj) kaj la « S.N.C.F. »-laborejoj, la plej gravaj en la regiono, igas Epernay tre prospera komerca kaj industria centro.

En alia vidpunkto la prahistoria muzeo estas unu el la plej riĉaj en Francujo, tutmonde konata de la specialistoj.

Trans la Marno — ĉe la limo de l'arbaro — superelstarante la bonege orientitajn vitodeklivaĵojn, sidas Hautvillers, famigita de « dom Pérignon ». La Abatejo jam estis fondita en la VII-a jarcento, kaj la Biblioteko de Epernay fieras konservi la manuskripton de « Ebbon », unu mirindaĵon el la XI-a jarcento, trovitan en la Abatejo.

Ĉi tiu alta loko valoras pilgrimadon. La elvokoj de la historio la elektitaj donacoj de la naturo valorigitaj de la homaj penoj, la zorgo pri la kvalito kaj respekto al la tradicio, la gusto ligita kun la tekniko, sin turnas al la okulo, spirito kaj koro en tiu ĉi parto de la ĉampania tero, patrolando de l' ĉampanvino.

Laŭ R. Menu,
Senatano-urbestro.

---

Internacia kaj universala — de la 18-a ĝis la 29-a de majo

# La PARIZA FOIRO

prezentos al vi sian ĉiujaran manifestacion de la tutmonda merkato.

- Internacia salono pri la naturo (ĉasado kaj fiŝado).
  — la ĉaso per falko kaj arkpafo.
  — la protektado de l'ĉasaĵoj.
- Salono pri la virin-vesto tuj surmetebla.
- Salono pri nutrado — kun prezento de regionaj apartaj manĝaĵoj.
- Salono de la « rara libro » (muzeo de malnovaj kaj luksaj pecoj).
- Turismo : « Ĉirkaŭ la mondo ».
- Projekciado de filmoj ĉiutage.
- « La magia domo », kiu ebligos al ĉiu vizitanto imagi al si, kia estos la hejmo — en la jaro 2.000 — sub la mano de l'feo : elektroniko.
- La kampodomo, la « semajnfina dometo », la gardeno, teniso, golfo, naĝejo, ktp.
- Konkurso pri meblado de « stovejo ».
- « La futura kuirejo », aranĝita de Usono.
- Salono pri navigarto, kun konkuroj, turniroj, navigskioj.
- Ĉiu vizitanto ricevas gvidlibron.

NEPRE VIZITU LA BUDON 2678 EN LA HALO 26.

ARTA FESTIVALO

## FOTO-EKSPOZICIO " LA HOMARO "

**Regularo.**

1. La Ekspozicio okazos en Harrogate, Britujo, en konekto kun la 1-a Internacia Arta Festivalo (5-12 aŭgusto 1961).
2. La Ekspozicio estas malfermita al ĉiu fotografanto.
3. Ĉiu ekspoziciota verko havu motivon de homa persono, vivo, agado, popola kutimo, medio aŭ vivkondiĉoj, en la plej vasta senco de la vortoj. La titolo de ĉiu verko estu redaktita en la internacia lingvo Esperanto. Sur la dorsa flanko de ĉiu verko troviĝu, krom la titolo, la nomo kaj adreso de la aŭtoro kaj eventuale la kongresa numero en presliteroj.
4. Ĉiu ekspozicianto rajtas sendi maksimume kvar (4) nigreblankajn kopiojn pri ĉiu lando, kiun la bildoj prezentas, kaj/aŭ same por kvar (4) kolorajn diapozitivojn laŭ sube prezentotaj mezuroj.
5. La nigrablankaj paperaj kopioj havu tian grandon, ke la sumo de largeco kaj alteco estas minimume 45 cm kaj ke la plej granda dimensio ne superu 50 cm, nemuntitaj aŭ provizitaj de kartono ne pli granda ol la bildo mem. Ĉe uzo de kartona pliforteigilo estas aldonendaj al la partoprena kotizo 2 respondkuponoj por ĉiu 100 grama pipezo, por la afranko.
6. Koloraj diapozitivoj havu la eksteran maksimuman grandecon de 5×5 cm (kun la kadro). Ili estu enpakitaj sufiĉe sekure kontraŭ difektiĝo.
7. La pakmaterialoj estu ankaŭ provizitaj per la nomo kaj la adreso de la sendinto.
8. Ĉiu sendaĵo estu en formo de « presaĵo », ne pli ol 3 kg. peza, sufiĉe afrankita kaj sen ia enmetita korespondaĵo.
9. La necesaj aliĝformularoj estas riceveblaj de la Kongresa Oficejo en Harrogate.
10. La kotizo por partopreno estas 15 steloj aŭ respondkuponoj. La sumo estu pagita aŭ per respondkuponoj aŭ per ĉeko adresita al la 46-a Universala Kongreso de Esperanto, per Midland Bank Ltd., Harrogate. La bildoj, same kiel la pleinigita formularo, estas sendendaj al FONDUMO ESPERANTO, Esperantotie 4, Irislahti, Matinkylä, Finnlando, kie ili nepre alvenu ĝis la 15-a de majo 1961 kaj kie la juĝistaro elektos la ekspoziciotajn verkojn. Sen kotizo la verkoj estos nek ekceptitaj nek resendotaj. La kotizo estas nuligita por landoj, kie transpagoj al eksterlando aŭ aĉeto de respondkuponoj ne estas permesataj.
11. Plej granda zorgo estos aplikata en manipulado de la verkoj, sed nenia respondeco pri damaĝo estas akceptita de la Kongresa Komitato.
12. Permeso de reprodukto de ĉiu verko kaj akcepto de ĉi tiu regularo estas aŭtomate ligita al la aliĝilo, sen aparta formulo.
13. La juĝkomisiono de la Ekspozicio konsistas el :
    fil. mag. Santeri Levas, Hon. ESIAP
    fil. mag. Arvi Hanste, AS. IAP
    fil. mag. Vilho Setälä, verkinto de « Fotografa scienco kaj arto ».
14. La juĝkomisiono havas la rajton decidi pri tio, kiuj fotoj estos ekspoziciitaj kaj pri koloraj diapozitivoj prezentotaj dum la Ekspozicio, je tempoj, kiujn la Estraro de la Arta Festivalo destinos por tio. Gi ankaŭ decidos pri premioj disponeblaj.
15. Ĉiu ekspoziciita verko havos surgluitan markon de partopreno.



## DUOBLA EVENTO EN LONDONO

Dum tri tagoj antaŭ la 46-a Universala Kongreso en Harrogate, Londono estos centro de du paralelaj Esperantistaj kunvenoj : Oficiala Antaŭkongreso 1961, kaj Seminario « Oriento-Okcidento ». Ambaŭ aranĝoj ĝuas aŭspicion de UEA

Tiu ĉi dukapeco fontas ne el ia kaprica konkursemo sed male el materia bezono, kiu en lastaj jaroj fariĝis pli kaj pli evidenta. Niaj kongresoj donas okazon por diversaj aplikoj de la Lingvo Internacia, tiel diversaj, efektive, ke por unu kongresano jam ne sufiĉas la tempo por digesti la tutan programon, kaj por tiel ampleksa programo jam ne sufiĉas unu sola kongresejo. Cetere, diversaj programeroj postulas malsamajn etosojn, kaj la klopodo, ĉiujn entrudi en nur unu kadron, eble ne donas ĉiam idealajn rezultojn. En la Brita ĉefurbo tiu problemo solviĝas. La ĉijara Antaŭkongreso kaj Seminario proponas, fizike sendependaj kvankam organize kunligitaj, unuarangan intelektan frandaĵon kaj plenŝtopitan ferian programon. Ĉiu povas tiel dediĉi sian tempon al unu programo aŭ alia, kun reciproka profito ankaŭ al la sukceso kaj kvalito de la aranĝoj. Nur ĉe la Balo koincidos ejoj kaj personaroj.

Fundamenta principo de la Antaŭkongresa programo estas distro kaj libereco, ĉar Londono estas ja tiel multaspekta milionejo, ke distron ĝi proponas ĉiam kaj al ĉiu — « Kiun Londono enuigas, la Vivo enuigas » — kaj sekve necesas iomagrada individua libereco, por kontentigi ĉiujn interesojn. Kiu deziras en du tri horoj rapide konatiĝi kun la plej elstaraj historiaj kaj arkitekturaj vidindaĵoj de Londono, havos ĉiutage tri okazojn por tion fari. Kiu emas en malgranda grupo Esperantista esplori zoologiajn ĝardenojn, aŭ muzeojn, aŭ noktejojn, aŭ ŝipekskursi sur Tamizo, aŭ pasigi vesperon en unu el kvindek teatroj aŭ ĉe la fama Festivala Baledo, butikumi en Bond Street aŭ gapi en galerioj — kia ajn la intereso, por ĉiu troviĝos kompetenta gvidanto. Por tiuj, kiuj deziras ankaŭ pli vaste ekskursi, jam estas aranĝitaj ĉiutagaj pli longaj ekskursoj : apartaj tuttagaj al la belegaj universitataj urboj Oxford kaj Cambridge, kaj tria al la palacaj hejmoj de anglaj aristokratoj nuntempe, kun siaj gravaj artkolektoj, publike viziteblaj.

La titolo de la Seminario, « Oriento-Okcidento », aludas al la dek-jara Projekto de UNESKO por « Reciproka Kompreno de Orientaj kaj Okcidentaj Kulturaj Valoroj » iniciatita en 1957. Al tiu projekto la Esperantistoj kontribuas jam sur pluraj frontoj, ekz. en Mainz 1958, en Frostavallen 1959, en la aperonta libro-serio de UEA, ktp... La plano por la nuna jaro estas ankoraŭ pli vasta : esplori tiun problemon ne nur laŭ ĉiuj eblecoj de la havebla Esperantista talento, sed ankaŭ en kontakto kun Britaj kompetentuloj. La kulturaj heredaĵoj de la Brita imperiisma epoko en Azio kaj Afriko donas al Londono apartan taŭgecon por tia konferenco. En la Londona Universitato troviĝas aparta Instituto de Orientaj kaj Afrikaj studoj. En Londono mem loĝas centmiloj da Azianoj kaj Afrikanoj. En ĝiaj muzeoj kaj galerioj troviĝas netakseble riĉaj kolektoj de Orientaj kaj Afrikaj artaĵoj. Ĉiujn ĉi avantaĝojn la Seminario ĝislime ekspluatos por ke ili fariĝu konkreta kontribuo al la interkontinenta kompreno.

Ankaŭ el organiza vidpunkto la Antaŭkongreso kaj Seminario estas eksterordinare bonŝancaj. Aliĝantojn atendas rezervitaj litoj en komfortaj hoteloj — ĝuste en tiu sama kvartalo, kie situas la Universitato, ĝuste tie de kie ekveturos ĉiuj ekskursoj, kaj ĝuste je dekminuta pieda distanco de la stacio, el kiu la fervoja karavano pluvojaĝos al Harrogate. Sed unu grava averto estas nepre necesa. Pro la grandega turisma populareco de Londono, je tiuj samaj datoj — 2-4 aŭgusto — pasintjare troviĝis **eĉ ne unu libera hotela lito** (dg. p. 33).

## KONKURSO PRI PROPAGANDA AFIŜO

La Informa Fako de Universala Esperanto-Asocio intencas eldoni en aŭtuno du trafajn propagandajn afiŝojn : unu en formato de proksimume 82 × 59 centimetroj kaj la alia en formato de 58 × 42 centimetroj. Por ke la afiŝoj estu kiel eble plej celtrafaj, la I.F. de U.E.A. organizas internacian konkurson laŭ jenaj principoj :

1. La projektoj de la afiŝoj devas esti kiel eble plej modernaj, okulfrapaj, allogaj, prezentantaj simbole la celon de la Lingvo Internacia kaj instigantaj al la lernado de Esperanto.

2. Krom la koloro de la papero, sur kiu la afiŝo devus esti presita, ĝi havu maksimume 3 kolorojn.

3. La afiŝo estu aŭ sen teksto aŭ kun la vortoj : *Internacia Lingvo Esperanto*. Kun tiu teksto la afiŝo prezentu kompletan tuton, uzeblan sen iu ajn plia teksto. Tamen, ĉiu afiŝo estu tiel farita, ke, se necese aŭ dezirinde, troviĝu sur ĝi konvena spaco, sur kiu estos eble presigi plian mallongan tekston en iu nacia lingvo. Nur por orientiĝo de la konkursantoj estas oportune diri, ke tiu eventuala nacilingva teksto, kies presigon prizorgos, se necese aŭ dezirinde, la landaj asocioj, lokaj grupoj aŭ aliaj utiligantoj de la afiŝoj, enhavos ekzemple indikon pri komenciĝo de novaj kursoj, aŭ ĝeneralan alvokon lerni Esperanton, aŭ similan instigon.

4. La projektoj de la afiŝoj devas esti senditaj al la adreso : Loka Kongreso Komitato de la 46-a Universala Kongreso de Esperanto, *Harrogate*, Yorks., Britujo, plej malfrue ĝis la 30-a de junio 1961. Ili devas esti bone enpakitaj kaj prizorgitaj kontraŭ difektiĝo. La I.F. de U.E.A. kaj la LKK en Harrogate plej atente manipulos la projektojn, sed nek U.E.A., nek la LKK respondecas pro eventuala difektiĝo aŭ perdo.

5. Dum la U.K. en Harrogate okazos aparta ekspozicio de ĉiuj projektoj kaj komisiono, konsistanta el la ĝenerala sekretario de U.E.A. kaj 4 membroj, kiujn elektos la Komitato de U.E.A., decidos pri la plej bonaj projektoj, kiuj estos presitaj. Estas ebleco, ke la tuta Komitato de U.E.A. faros pri tio decidon. La projekto aŭ projektoj, kiuj estos presitaj, ricevos premion de minimume po 15 anglaj pundoj, kiu sumo inkluzivas ĉiujn aŭtorrajton. La nepremiitaj projektoj estos resenditaj aŭ redonitaj al la aŭtoroj.

6. En la konkurso rajtas partopreni ĉiu esperantisto aŭ amiko de Esperanto per tiom da projektoj, kiom li aŭ ŝi deziras.

La I.F. de U.E.A. alvokas ĉiujn profesiajn kaj amatorajn artistojn, esperantistojn aŭ amikojn de Esperanto, partopreni en la konkurso kaj tiamaniere helpi al publikigo de vere elstara afiŝo, kiu siavice kontribuos al la plua disvastigo de la Lingvo Internacia.

*Por la Informa Fako de U.E.A.*

D-ro Ivo LAPENNA.

## INTERNACIA GEOGRAFIA SEMAJNO

Post du sukcesaj Geografiaj Semajnoj okazintaj ĉe la Jugoslavia marbordo, Internacia Geografia Asocio decidis okazigi la 3-an Geografian Semajnon en Nottingham aŭ Leicester, mezvoje inter Harrogate kaj Londono, tuj post la finiĝo de la Universala Kongreso. Tiuj cirkonstancoj permesos la ĉeeston de multaj kongresanoj al tiu interesa aranĝo survoje hejmen, sen plua vojaĝelspezo.

La Geografia Semajno okazos de sabato la 12a aŭg. ĝis sabato la 19a aŭg., sub la honora protekto de Skabeno S.P. Hill (Urba Konsilanto). La ĉeforganizanto estas Dro Richard H. Osborne, docento pri geografio ĉe la Universitato de Nottingham, Vicprez. de IGA. Li mem gvidos ankaŭ du tuttagajn ekskursojn en la belegan ĉirkaŭaĵon, dum kiu krom la naturbelaĵoj kaj karbminejoj oni vizitos ankaŭ multajn historiajn monumentojn.

Dum la semajno prelegos Lic. Tibor Sekelj kaj aliaj spertuloj pri esplorvojaĝoj kaj aliaj geografiaj temoj, kun lumbildoj, filmoj kaj originalaj magnetofonaj bendoj el diversaj mondpartoj. Ankaŭ amuzvespero, gaja vespero kaj viva gazeto estas antaŭviditaj, kaj la programo ĝenerale sendube kontentigos fakulojn kaj nefakulojn.

Ĉar la kvanto de partoprenantoj estas limigita, la interesitoj bonvolu laŭeble plej baldaŭ peti pluajn informojn de la organizanto, D-ro Richard H. Osborne, Department of Geography, The University, Nottingham, Anglujo, laŭpove sendante respondo kuponon.

---

Se ĉiu el ni varbus  
nur unu po jaro,  
post nura jardeko  
verdiĝus la homaro !

Dr Q. GONZALEZ.

---

**Omar Khayam. RUBAYAT.** — Présentation et texte français d'Armand Robin. — Le Club français du livre 1958.

« *Les vicissitudes du texte dans les traductions* ».

« Il existe quelques centaines de traductions de « quatrains » dans les diverses langues de la planète. « Il y en a même en languedocien (d'après Fitzgeral, « hélas), publiée à Rodez.

« La plus *exacte* que je connaisse est, *en espéranto*, « celle que publia Gaston Waringhien, à Paris, en « 1953. »



# " VIVO DE LA GRUPOJ KAJ FEDERACIOJ "

La Redakcio akceptas nur tajpitajn tekstojn en korekta Esperanto. Ni povas aperigi nur preskliŝojn, NE simplajn fotojn.

**ANGERS.**

Parto de la Grupa membraro kunvenis la 17an de decembro, okaze de la tradicia Zamenhof-vespero. Diapozitivoj faritaj de F-ino. Lemonnier, en Danujo kaj Norvegujo, estis prezentitaj al ili.

Daŭrigante sian serion de kulturaj vesperoj pri popoloj de Oriento, la Esperanto-Grupo okazigis la 24an de januaro, interesan vesperon pri la juda popolo kaj Israelo.

La Israela turisma oficejo estis sendinta al ni afiŝojn, turismajn faldfoliojn, kaj pruntedonis grandajn fotojn por ekspozicii en la ĉambrego kaj du belajn franclingvajn filmojn. Krome, pluraj klubanoj legis diversajn tekstojn en esperanto, Fraŭlinoj prezentis Israelajn dancojn kaj oni aŭdigis diskojn : temis pri religia muziko, kantoj en Jida lingvo, folkloraj kantoj de Israelo.

Nun, pluraj aliaj programoj prepariĝas.

Pro nia ĝenerala agado por internaciaj rilatoj, ni ricevis iom gravan subvencion (500 N.F.) de la departementa oficiala servo « Jeunesse et Sport ».

Fine, ni menciu interesan fakton :

Juna Esperantisto, studento de Supera Agrikultura Lernejo en Angers elektis, por libera tasko surbaze de tradukado, la temon : « Kooperativismo en Finnlando ». Li ricevis de Finna esperantisto tre ampleksan dokumentaron, inter kiu esperantlingvan gazeton dediĉitan al la temo tradukota.

La Direktoro pri la Studoj de la lernejo petis nian grupon kontroli la tradukon kaj eĉ aljuĝi marko-takson.

La traduko estis bonega... ankaŭ la takso !

Ni opinias, ke tia praktika uzo de esperanto estas nepre konsilinda, ankaŭ pro la favor-efiko.

**NORD-FRANCA FEDERACIO**

**ARRAS.**

Aktivaj rondoj ekzistas ĉe la seminario por estontaj ŝtat-instruistoj kaj ĉe kolegio « Marie Curie ». Krome, nacia kongreso de G.E.E. okazis en Arras de 25 ĝis 30a de marto.

**HENIN-LIETARD.**

Dank'al subvencio de la laika amikaro, la esperantista sekcio invitis ges-rojn Hamwai, el Nov-Zelando.

**BOURBOURG.**

S-ro Doyelle gvidas kursojn por knaboj kaj knabinoj. Vojaĝoj kaj eksterlandaj gastoj vigligas ofte la lokan kaj simpatian rondon.

**LILLE.**

La ĝenerala kunveno de « Lille-Espéranto » okazis la 12an de marto, je 15 h, ĉe Maison du Commerce, 77, rue Nationale. Interalie, la membroj diskutis pri la akcepto de pluraj gastoj el Britujo kaj Germanujo, la proksima regiona kongreso, kaj la nova propaganda afiŝo de U.E.A.

La Nordfranca federacio decidis organizi ekzamenojn dum la internacia foiro de Lille. Menciinde estas, ke la ok unuaj laŭreatoj ricevos premiojn de 10 ĝis 30 NF. Informojn sendas S-ro Bourgeois, ĝenerala sekretario, 21, rue Gambetta, Noyelles-Godault (Pas-de-Calais).

**LILLE.**

Vigla kaj amika debato karakterizis la jar-finan kunvenon de la kubo. La elektitaj temoj estis :

— « La virino en la hejmo ».

— « Ekzamenoj sen parola parto ».

— « Ĉu estos E-kurseto ĉe Nordfanca ĵurnalo ? ».

Krome, la respondeculoj parolis pri la kongresoj, la kulturaj semajnoj en Baugé kaj la esperantista tago de Lille.

Dum 1961, la grupo interŝanĝos son-bendojn kun pluraj landoj kaj gastigos plurajn eksterlandajn amikojn.

**ROUBAIX.**

La vizitantoj de la nova urba biblioteko nun havas la eblecon legi nian nacian revuon. Artikoloj kaj informoj pri esperanto aperas ĉiusemajne en du ĵurnaloj.

**TOURCOING.**

Bendoj el Harrogate kaj Radio-Luxembourg, lumbildoj pri Baugé estis allogaj programeroj de kunveno.. kun malmultaj partoprenintoj !...

**WATTRELOS.**

La loka delegito rilatis kun la 25 junaj astronomoj-esperantistoj el Zagreb (Jugoslavujo). Kvin artikoloj aperis pri tiu ĉi korespondado en LA VOIX DU NORD, NORD MATIN kaj NORD ECLAIR.

La federacia tago de Lille kunvenigos geesperantistojn el la tuta regiono dimanĉe la 23an de aprilo.

La komitato preparis la jenan programon :

10 h. Rendevuo ĉe la honor-halo de la « foiro de la Komuna. Merkato ».

10 h. 15 Publika prelego kaj labor-kunsido.

12 h. 30 Oficiala akcepto.

13 h. Bankedo.
15 h. Vizito de la Foiro kaj, por la kandidatoj, elementa kaj supera ekzamenoj.

### NORD-ORIENTA FEDERACIO

**STRASBOURG.**

En oktobro komenciĝis en Strasburgo post kelkjara interrompo nova Esperanto-kurso. 35 lernantoj enskribis sin. Kursgvidanto estas S-ro Barido. La kurso okazas ĉiujn jaŭdon je la 20a horo en la Thomaslernejo.

La Esperanto-kunvenoj okazas regule la 1an kaj 3an merkredojn de ĉiu monato je la 20a 30 en la Maison des Tanneurs.

La koresponda kurso de la *Unionista Movado*, gvidata de nia samideano Hubert Férez, varbis depost oktobro, 38 novajn gelernantojn (lernantojn senkompare pli seriozajn kaj interesplenajn ol ĉiam antaŭe, diris S-ro Férez).

**JUNULARA SEKCIO EN NANCY.**

Ĉi tiu sekcio en la Junuldomo, 27, rue de la République, preskaŭ malaperis pro disiĝo de preskaŭ ĉiuj antaŭaj membroj. Feliĉe nun ĝia vivo estas certigita per kunigo de denove 6 membroj, kiuj regule kunvenas dufoje monate (merkrede je la 20a 30).

Ni okazigas studrondon, kies tasko nun estas plibonigi ĉies konojn per lernado de 2-a grada kurso.

**SUKCESAJ KURSOJ EN BAR-LE-DUC.**

Sekve al prelego de S-ro Ribot, ĝenerala sekretario de UEF ,en la Porinstruistina Seminario de Bar-le-Duc, la Direktorino de tiu lernejo interesiĝis pri Esperanto. Nia amiko Pol Denis en la nuna aŭtuno komencis tie du kursojn (po 1 horo semajne) kun entute 72 lernantinoj, inkluzive la Direktorinon. La lernantinoj ĉeestas la kursojn kun horloĝa konstanteco kaj ilia laboro estas perfekta.

La urbo Bar-le-Duc ĝemeliĝis kun Guilford (Britujo). Tial S-ro P. Denis klopodis rilati kun samideanoj en tiu lasta urbo. La prezidintino de Brita Esperantista Asocio loĝas precize tie kaj ŝi, siavice, klopodas malfermigi kurson en supera lernejo. Tiel, ni esperas, ke stariĝos interŝanĝoj kaj renkontiĝoj inter Esperanto-lernantoj de ambaŭ urboj.

Jen tre ĝojiga informo kaj ni gratulu pro ĝi nian samideanon Denis.

### FEDERACIO LANGUEDOC-ROUSSILLON

**NOVA ESTRARO DE LA GRUPO DE ARMISSAN (Aude).**

Honora Prezidanto : S-ro Dézarnaud André, urbestro.
Prezidanto : S-ro Escaré Jules.
Vicprezidanto : S-ro Caussidery René.
Sekretario : S-ro Gazel Claude.
Helpa Sekretariino : S-ino Bayssas Laure.
Kasisto : S-ro Dezarnaud Claude.
Kasistino : F-ino Pueyo Danielle.

Ni tutkore deziras plej sukcesan agandon por la disvastigo de La Lingvo Internacia al ĉiuj novaj estraranoj.

**GIMNAZIA KURSO EN LAON (Aisne).**

Laŭ peto de la direktorino de tiu mezgrada lernejo komenciĝis kurso en la knabina gimnazio en Laon. La direktorino mem tre deziris la kreon de tiu kurso kaj ŝi mem stimulis la lernantinojn partopreni. En la unua kurshoro ĉeestis 69 lernantinoj kaj ilia entuziasmo estas tia, ke supozeble preskaŭ ĉiuj partoprenos ĝis la fino kaj espereble restos fidelaj esperantistinoj. Tiun Esperanto-kurson gvidas S-ro Daniel Luez, kiu jam instruas en tiu gimnazio la germanan kaj la hispanan lingvojn.

**E. KURSO EN LA GIMNAZIO DE LE TEIL (Francujo).**

La 30-an de novembro en la gimnazio de Le Teil, urbo apud Montélimar, komenciĝis nova E. kurso. De post 3 jaroj la kurso regule okazas en tiu lernejo. 25 gelernantoj 14-17 jaraj sekvas la kurson.

La 21-an de decembro la esperanta grupo de Montélimar invitis tiujn gejunulojn al festeto en la sidejo de la grupo en Montélimar. Lumigita kaj ornamita kristnaska arbo staris en angulo de la salono. Oni manĝis kukojn kaj trinkis blankan vinon. Oni aŭdis per elektrofono esperantajn kantojn. La prezidanto de la grupo kaj gvidanto de la kurso rememoris la datrevenon de la Zamenhof-naskiĝo kaj invitis la gejunulojn je fideleco al la Esperanta Lingvo.

Tri ĵurnalistoj vizitis la feston kaj kaptis fotografaĵojn. Bonega artikolo, kun esperantlingva titolo « Gajan Kristnaskon » kaj foto, aperis en du tagjurnaloj. Bonvolu sendi salutkarton al la gejunuloj Esperanto-Rondo, Collège, Le Teil (Ardèche), Francujo.

**NORMANDIA FEDERACIO. — 30-a KONGRESO.**

*Kotizoj*

Kongresano : 4 NF. — Infano ĝis 14-jara : senpaga. — Junulo ĝis 21-jara : 2 NF.

*Provizora programo*

SABATON 6-an. 20 h. 30 en la salono Chèdeville.

Interkona kaj varietea vespero.

La diversaj grupoj estas petataj partopreni tiun vesperon. Ĉiu bonvolu indiki, kiel eble plej frue, kion ĝi prezentos, por ke oni povu enskribi ĝin en la definitiva programo. Bonvolu skribi al : Esperanto-Klubo, Les Andelys (Eure).

DIMANĈON 7-an. Salono Chèdeville.

9 h. UEF kunveno (publika).
10 h. Malfermo de la kongreso.
12 h. Oficiala akcepto.
12 h. 30 Foto.
13 h. Bankedo.
15 h. Vizito de la urbo kaj de Kastelo-Gaillard sub la gvidado de la klubaj infanoj.

Bonvolu sendi la aliĝkotizojn al la kasisto :

D-ro P. Bonnet, bestkuracisto, 6, bd Néhou, Les Andelys (Eure) poŝtĉekkonto 1306-89 Rouen. Indiki : Por la esperanto-kongreso.

Vi multe helpos la LKK, mendante NUN la bankedon kaj la hotelĉambron (kiom da personoj kaj kiom da litoj). Dankon.

**PARIZO. — RAPORTO PRI « SORBONA VESPERO » (16 decembro 1960).**

*S-ro Poly* pere de magnetofono aŭdigas al ni registritan diskuton pri Esperanto, kiun antaŭ nelonge dissendis « Radio-Luxembourg » dum sia programo « La Famaj Nekonatuloj ».

Tiu ĉi registraĵo memorigas nin, kiel la juna, brila studento, L.L. Zamenhof ekpensis pri universala lingvo; la malfacilaĵojn, kiujn li neniam ĉesis renkonti : unue kun sia patro, poste kun la eldonistoj, kiam lia verko estis preta. Tamen, dank'al financa helpo de lia bopatro, dolĉa instigo de lia edzino, kuraĝiga apogo de Tolstoï, Esperanto ekpovis sukcesi. Kaj fine okazis la unua Universala Kongreso en « Boulogne-sur-Mer », dum la jaro 1905-a. De tiam regule sinsekvas la Universalaj Kongresoj.

Sen jen eksplodas la unua mondmilito (1914), dum kiu mortas D-ro L.L. Zamenhof en aprilo 1917. Malgraŭ tiuj teruraj batoj Esperanto daŭras. Kaj S-roj Guillaume, Petit, Thierry, Rousseau, konkludas tiun registraĵon, respondante al demandoj pri la nuna stato de la lingvo-disvastiĝo.

*S-ro Jossinet* prezentas al ni « memorlibron » pri la vivo de Zamenhof, eldonitan okaze de la centjara datreveno de la naskiĝo de la Majstro. S-ro Jossinet, kiu kunhelpis al tiu verko, parolas al ni pri la laboro, kaj ĉefe pri renkontitaj malfacilaĵoj por havigi al si dokumentojn el diversaj korespondantoj tutmondaj. Li ankaŭ parolas pri la laboro de aliaj kontribuantoj, inter ili S-ro Waringhien. Kaj resume li opinias la libron tre utila por la informado.

*S-ro Roger Bernard* rimarkigas al ni la koincidon de « La Semajno de Bonfaro » kun la Datreveno; konsilas legi verkojn pri la vivo de Zamenhof, interalie : « La Vivo de Zaamenhof de E. Privat » — « Leteroj de Zamenhof », same kiel ĉiujn bonajn aŭtorojn : Rossetti, Baghy, Waringhien, Schwartz, k.t.p.

*S-ro Laurat* parolas al ni pri la disiĝo de Esperantistoj tra la mondo kaj rimarkigas la malfacilecon citi ciferojn, baziĝante nur sur la oficialaj listoj.

★

*Vizito de D-ro Hamvai* (14 februaro 1961).

Dank'al la fervojista asocio, ni povis akcepti D-ron Hamvai en kino-saloneto de stacidomo St-Lazare.

La paroladisto, kiu bonege parolas, estis facile komprenita de kelkaj komencantoj, kiuj estas inter la 80 ĉeestantoj.

Resume mi povas diri, ke li klarigis al ni interesaĵojn pri sia dua patrujo Novzelando.

Tie estas 90 % da blankuloj, ĉefe de brita deveno, kaj 7 % da maorioj, kiuj estas samrajtaj. Ankaŭ vivas tie tre apartaj bestoj. semi-reptilo « Tuatara », kaj birdo sen flugiloj « Kiwi ».

La loĝantoj povas fieri pro la belecoj de la lando — montoj kiel Alpoj — lagoj — arbaroj — gejseroj — floroj de 3 kontinentoj.

Ankaŭ pro la fakto, ke ĉe la socia vivo Novzelando estas ĉe la unua rango, ekzemple por la 40-hora laborsemajno, kiu ekzistas jam de 1936.

Ke D-roj kaj medikamentoj kostas preskaŭ neniom.

Ke la sano estas bonega, kaj oni vivas tre longe laŭ la statistikoj de Unesko.

Ke 92 % de la familioj posedas domon.

La kosto de la nutraĵo estas malpli alta ol en Eŭropo, sed industriaj aferoj, kiel vestaĵoj, radio-aparatoj, veturiloj k.t.p. estas pli multe kostaj.

La tuto estis ja interesa kaj la kolorfilmo plaĉis al ni. Ni tre ĝuis la vesperon kaj aplaŭdis sincere la oratoron.

★

Dankaj leteroj alvenis por diri la plezuron de tiuj, kiuj partoprenis la ŝippromenadon sur la Sejno; tio dank' al S-ro André Pignarre, kiu tre afable sendis invitbiletojn de la « Vedette-Paris-Tour-Eiffel ».

**FEDERACIO « RHONE-ALPES ». — Regiona Kongreso.**

La kongreso okazos ĉi-jare en St-Etienne (Loire) la dimanĉon 30-an de aprilo en « *Centre de Documentation Pédagogique* », 16, rue Marcellin-Allard.

Ĝi estos malfermita je la 9-a precize; tamen, de la 8-a la kongresanoj ricevos sian invitilon ĉe la akceptejo. Je la 11 h 30 en salono de la urbodomo la Urbestraro akceptos la kongresantojn kaj donacos honorvinon. Je la 12 h 30, foriro de la kongresantoj per urba aŭtobuso al la famkonata krucvoja turismejo « Le Pertuiset », distance 18 k., kie estos preparita kolektiva tagmanĝo en restoracio sur belvida loko. Pli poste, kiuj deziros reveni frue en St-Etienne, tiuj enaŭtobusiĝos senpage per sama veturilo je la 16 h 30.

Al tiu manifestacio estos invititaj la urbaj respondeculoj de instruado kaj sociedukado. El tio aranĝita nia movado ricevos favoran impulson de gravaj instancoj. La organizantoj sin turnas al la samideanoj de la regiono, por ke ili firmigu tie la lokan agadon per impona ĉeesto.

Petu informojn de Club Espérantiste, Bourse du Travail, St-Etienne. Anoncu vin, sendante aliĝon ĝis la 20-a de aprilo al F-ino Jeanne Testud, 8, place de la République, Saint-Etienne. (C.C.P. Lyon 2745-07).

Kongreskotizo : 1,50 NF. — Tagmanĝo sen trinkaĵo : 6,00 NF.

# LA KASTELO DE CHATEAUDUN

Fortikaĵo de la grafoj de DUNOIS, superstarante la Loir-valon, konstruigita de Thibaut-la-Friponulo (Thibaut-le-Tricheur) dum la 10-a jarcento, poste modifita kaj pligrandigita de la famkonata DUNOIS, eksteredzîĝa infano de d'Orléans, estro de la armeoj de la reĝo Charles VII-a, samtempulo de Johanino de ARC, kaj fine kompletigita ĉe la komenco de la XVI-a jarcento far' de la familio des LONGUEVILLE kiu posedis la kastelon, antaŭ ol ĝi apartenis al la familio de LUYNES.

La kastelo de Châteaudun ne multe loĝata depost la Renesanco estas ankoraŭ preskaŭ sendifekta. Superstaranta de ĝia bela ĉefturo ronda (XII-a j.c.) ĝi estas unu el la plej belaj domegoj el la fino de la XVI-a j.c. kaj komence de la Renesanco, kun ĝia Sankta Kapelo kaŝlokita ĉe la piedo de la ĉefturo; tiu kapelo enhavas belegajn pentraĵojn (XV-a j.c.) kaj ankaŭ la plej mirindan serion da ŝtonstatuoj de la XIV-a j.c. kaj belegajn aĵurajn ŝtuparojn (XV-XVI-a j.c.) kiuj aperturiĝas tra la surkortaj fasadoj.

La kastelo estis aĉetita en 1930 de la Franca ŝtato; la Fako pri Historiaj Monumentoj uzas ĝin por elmontri malnovajn kaj belegajn tapetojn, kiuj estas el la plej valoraj.

La kastelo de CHATEAUDUN okupas en la Franca Arto ĉe la fino de la Mezepoko kaj komence de la Renesanco, elstaran lokon : laŭ ĝia arkitekta karaktero, ĝi parenciĝas kun la kasteloj de la Loire-valo, kaj ĝi estas la unua el tiuj belaj domoj, kiun oni renkontas venante el Parizo, survoje al la « Ĝardeno de Francujo ».

J.-A. ROUSSEAU.



# KONGRESOJ EN MAJO

La Kongreso de la *Internacia Fervojista Esperanta Federacio* okazos :

en Barcelono de la 6-a ĝis la 11-a de majo.

Kaj...

tuj poste okazos la *Hispana Nacia Kongreso* de la 13-a ĝis la 17-a de majo.

Kaj...

fine en Epernay la *Franca Nacia Kongreso* de la 20-a ĝis la 22-a de majo.



# ENKETO :

## Lerneja Esperanto-Instruado

Laŭ peto de Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj okazas en pluraj landoj — laŭ simila demandaro necesa por la sinteza raporto — enketo pri la instruado de esperanto en lernejoj dum la lasta jardeko (1950-1960).

La celo estas kolekti — laŭeble — sufiĉe imponan informaron por montri al edukaj aŭtoritatoj.

Tial ĉiu koncernata instruisto estas petata respondi kiel eble plej precize kaj plene la sekvantan demandaron en la daŭro de malpli ol unu monato post ĝia apero.

*Demandaro :*

1. a) Nomo kaj tipo de lernejo ? b) Nombro kaj sekso de la tuta lerneja lernantaro ? c) Dum kiom da jaroj Esperanto estis instruata ? d) Ĉu en la lerneja programo aŭ ekster ĝi, post lernejaj horoj ? e) Detaloj pri la esperantaj kursoj en la plej lasta jaro, t.e. nombro da klasanoj, aĝo, sekso, kiom da lecionoj semajne, daŭro de ĉiu leciono ?

2) Metodo uzita ? Lernolibroj se iuj ?

3) Kiel Esperanto estis praktike uzata, ekz. per korespondado kun aliaj landoj, per sonbendoj, per vizitoj alilanden aŭ per vizitoj de alilandanoj, per konkursoj, ekspozicioj ?

4) Kia estis la lingva grado de la infanoj : a) skribe ; b) parole je la fino de unu jaro ? je la fino de du jaroj ?

5) Ĉu ili provis ekzamenojn ? Se jes, kiom da tempo ili bezonis por prepari sin ? Ĉu la rezultoj estis kontentigaj ?

6) Aliaj lingvoj studataj en la lernejo ?

7) Ĉu la infanoj lernantaj (lernintaj) Esperanton ankaŭ studas (studis) alian lingvon ? Se jes, kiajn komparon vi povas fari ?

8) Ĉu la lernado de Esperanto havis ian videblan efikon je la uzado de la propra nacia lingvo ?

Sendu respondon (ne prokrastu) al : Groupe des Educateurs Espérantistes, Enquête ILEI, Musée Pédagogique, 3, rue Roquelaine, Toulouse.

---

# DUOBLA EVENTO EN LONDONO

(daŭrigo)

en tuta Londono. La Antaŭkongresa Komitato feliĉe sukcesis rezervi provizore sufiĉe grandan kvanton da litoj — sed la kvanto estas severe limigita. Tial ne hezitu : aliĝu frue — kaj estu bonvenaj !

A-K. K.

**Noto :** Pliaj informoj estas riceveblaj de : Victor Sadler, 1 Poet's Road, Highbury, London, N. 5.

# MARĜENAJ NOTOJ AL LA UNIVERSALA KONGRESO

*La Angloj — Portreto de insula popolo.*

Unu el la plej senspritaj kaj larĝe akceptataj ĝeneraligoj estas la aserto, ke ĉiuj ĝeneraligoj estas senfundamentaj. Oni diras, ke ne ĉiu kato estas sagaca kaj ne ĉiu anglo fumas pipon, sekve neniu ĝeneraligo havas valoron. Estas vere, ke ĝeneralajn asertojn — pleje maljustajn — oni uzis en la pasinteco kontraŭ iuj popoloj, kun mortiga rezulto. Tamen, se ni scias pri la eblaj danĝeroj, ni ne timas ilin. Ni devas memori, ke eble ekzistas multnombraj esceptoj; ni devas memori ankaŭ, ke portreto pentrita de tuta nacio ne necese estas ĝusta portreto de ĉiuj ĝiaj individuaj membroj. Tamen, post ĉio, ja ekzistas tipo, kaj la plej multaj katoj estas sagacaj, kaj milionoj da angloj ja pipfumas.

Venu al Anglujo, kaj ĉu vi alvenas de Usono ĉu de la Eŭropa Kontinento, vi tuj komprenos, ke vi estas alveninta al stranga malgranda mondo. Britujo estas insulo — kaj ne nur en la geografia senco de la vorto.

*Konduto kaj memdisciplino.*

Dum la unuaj tagoj, ĝis vi pli bone ekkonos la anglojn, frapos vin nur la strangeco de ilia konduto. La angloj estas bone disciplinita popolo, kaj eble estas nenia troigo diri, ke ili estas la plej ĝentila popolo en la mondo. Vi trovos ĉi tie kvindek milionojn da ĝentilhomoj — se oni rajtas tiel nomi ankaŭ virinojn (kaj kial ne?). Vi trovos ĉi tie bankier-ĝentilhomojn, industriist-ĝentilhomojn, tabakist-ĝentilhomojn, multajn vojpurigist-ĝentilhomojn kaj fiŝist-ĝentilhomojn. Ili ĉiuj estas ĝentilaj laŭ sia rezervema kaj abrupta maniero; ili ĉiuj scipovas teni la tranĉilon kaj forkon, kaj kiel konduti en la societo. Tamen ne estas tiom da surfaca tavolo de instruita konduto, kiom da ennaskita memdisciplino, kio estas tiel frapa. Dum la unuaj tagoj de via restado, vi vidos kelkajn el la famaj anglaj viclinioj ĉe aŭtobushaltejoj kaj ekster teatroj. La ideo pri viclinioj — aŭ starado en linio, kiel diras la Usonanoj — estas brita ideo. La plena akceptado de « unue veninta, unue servita », la fidela observado kaj bonhumora akceptado de la necesaj malavantaĝoj en komuna vivo kaj, precipe, la efektivigo de ĉi tiuj pensoj en la praktika vivo, originis inter la Britoj.

Sur la Kontinento, eĉ en Okcidenta Eŭropo, vi eble vidas du personojn, kiuj kolizias unu kun la alia sur la strato kaj ekkverelegas, sin reciproke insultante, kutime per nomoj zoologiaj. Tia afero estas apenaŭ imagebla en Anglujo. Se io simila okazus, la du personoj dirus « Pardonon » unu al la alia, kaj daŭrigus sian vojon. Se iu ajn argumentado okazus, estus por decidi, kiu estis kulpa, kaj ĉiu forte protestus, ke « estis mia kulpo ».

Sed tio ne signifas, ke la angloj neniam estas malĝentilaj. Kelkfoje ili estas. Tamen eĉ malĝentilecon ili esprimas nur subvoĉe. Pro tio, vizitantoj ofte ne komprenas, ke fakte oni ilin insultis kaj krude traktis. Maldelikatajn esprimojn oni preskaŭ neniam aŭdas. La angla malĝentileco kutime prenas la formon de mallongaj, acidaj aŭ malkredemaj demandoj. Jes, eĉ la novalveninto estos frapita de la fakto, ke la vivo en Anglujo estas malpli brua kaj — li emos kredi — malpli kolorplena ol sur la Kontinenta aŭ sur la alia bordo de la Atlantiko. Malĝentileco ne estas tiel malĝentila, koloroj ne tiel brilegaj, la esprimo de la pasioj ne tiel libera, la amo ne tiel varma kaj ridado ne tiel senĝena en Anglujo kiel en aliaj mondpartoj. Sed ĉi tio, paradokse, ne signifas du aferojn.

Unue, ĝi ne signifas — kiel li eble kredas unue — ke la vivo ne estas tiel kolorplena kiel en sia propra lando. En kelkaj rilatoj ĝi estas pli kolorplena — nur necesas lerni percepti la diversajn nuancojn. Se kontinenta ĵurnalo volas ataki politikiston, ĝi devas utiligi la plej fortegajn epitetojn en sia vortaro, aŭ la plej mortigan sarkasmon por igi la atakon vere efika. Se, aliflanke, « THE TIMES » rimarkigus, ke « ni surpriziĝas » aŭ « estas iom surprize », tio egalas malkaŝan esprimon de malkonsento. La rezulto, nature, estas, ke « THE TIMES » — kaj la ĉiutaga angla lingvo — havas multe pli da malkonsent- kaj laŭdnuancoj ol iu ajn lingvo en la mondo, inkluzive de la Usona. Due, ĉio ĉi ne signifas, ke la angloj estas malsimilaj al aliaj homoj. Ili certe sentas la samajn emociojn kaj pasiojn, la samajn ĵaluzon, envion, ĝojon kaj feliĉon kiel aliaj — nur ilia ekstera reago al ili estas malsimila.

*Malŝato de teorioj.*

La vizitanto nepre rimarkos, ke vivo en Anglujo estas glorigata vilaĝvivo. Eĉ Londono kun ĝiaj multaj malgrandaj domoj, havantaj kompare grandajn ĝardenojn, estas ne nur la plej granda urbo en la mondo, ĝi estas ankaŭ la plej granda vilaĝo. Londono estis konstruita kiel vilaĝo, aŭ pli ĝuste dirite, kiel pluraj vilaĝoj. Ĝi ne estis planita, kiel Washington, ĝi kreskis kiel agariko. Domoj estis konstruitaj unu apud alia kaj la rezulto estis pluraj vilaĝoj. Ĉi tiuj vilaĝoj kreskis, ĝis iliaj limoj tuŝis unu la alian kaj la rezulto estis Londono. Ĉi tiu granda urbego estas ĝangalo kaj sovaĝejo; ekzistas nenia ordo en ĝiaj serpentumentaj, vagantaj stratoj. Ne provu mallongigi la vojon ĉi tie, fidante vian senson de direkto — kiel ajn fidinda ĝi eble pruviĝis antaŭe — ĉar vi perdos la vojon sen la plej eta espero ĝin trovi denove sen helpo. Soho estas aparta ĉefverko de senordo kaj ĥaoso. W. S. Gilbert, unu el la fama Gilbert kaj Sullivan duo, iam skribis pri brita policisto, kiu perdiĝis en Soho, ĉirkaŭvagadis dum dudek jaroj kaj fine mortis pro malsato en tiu sovaĝejo. Tio kredeble neniam okazis, tamen kiel averta rakonto ĝi estas tute ĝusta.

La Britoj malamas tro da planita ordo en siaj stratoj kaj ili malamas tro da planita ordo en siaj pensoj. Ili malŝatas teoriojn, sistemojn kaj tro precizajn dividojn. Ili konstruis Londonon kiel aglomeraĵon de homaj loĝejoj kaj poste ili provis enkonduki en ĝin tiom da ordo, kiom estis eble je ĉi tiu malfrua stadio. Same rilate al ĉiuj iliaj institucioj. La esenco de brita kompromiso estas la preteco kompromisi kun la bezonoj de realaĵoj. Ili ĉiam estas pretaj foroferi parton de bele konstruita ortodoksa teorio por igi ĝin funkcii. Unu el la plej frapaj ecoj de la fama kaj antikva Brita Konstitucio estas la fakto, ke ĝi tute ne ekzistas. Surpaperigita (kaj ĝi ne troviĝas sur papero) ĝi aspektus kiel iom komplika, iufoje eĉ ĥaosa kompromiso inter noblaj principoj kaj malbela realeco. Tamen ĝi funkciis belege dum la pasintaj kelkaj jarcentoj. Oni konsideru britan Socialismon : ĝi estas nek dogma nek Marks-isma. Kiam praktikaj bezonoj kolizias kun marks-ista teorio, estas ĉiam la teorio, kiu iĝas la viktimo.

*Respekto por la leĝaro.*

Estas ankoraŭ unu trajto en la brita karaktero, kiun ĉiu vizitanto nepre rimarkos. Tio estas ilia granda respekto por la leĝaro, kaj ilia amo al justeco. Ĉi tiu « amo al justeco » estas iom elĉerpita frazo, tamen tute vera. Neniu alia nacio en la mondo estus tolerinta la sortŝanĝiĝojn de dek mankohavaj jaroj kun tiom da pacienco kaj bonhumoro, kiel la angloj. Ili malŝatis aŭsterecon kaj precipe postmilitan aŭsterecon. Multaj el ili batalis kontraŭ ĝi, per artikoloj, publikaj paroladoj aŭ sur la scenejoj de muzikhaloj ; kaj tre multaj asertis, ke la registaro altrudis direktadon nur pro la amo al direktado. Sed en Britujo oni neniam montris kunsenton aŭ komprenon al la nigra-merkatistoj. Malbonaj leĝoj devus esti forigitaj, ili opinias, sed oni devus respekti ilin tiel longe, kiel ili estas leĝoj. Kaj la brita amo al justeco estas pli forta ol grupa, partia, aŭ eĉ la propra profito. Antaŭ nelonge oni malpermesis la aperadon en televidprogramo de iu kontraŭ-socialisma teatraĵo (laŭ eraro, kiel poste montriĝis) kaj ĝenerala laŭta kriego sekvis ĉi tiun decidon. Socialistoj, konservativuloj kaj liberaluloj ĉiuj protestis. Preskaŭ ĉiu kredis, ke libereco de parolado kaj kritiko estis multe pli grava ol la demando, ĉu iu teatraĵo faras nejustajn kaj sarkasmajn diraĵojn pri politika partio. Simile, en multaj okazoj, oni donas grandan aŭtoritaton al juĝistoj.

Pasante, dum ni parolas pri juĝistoj, post vizitado al la kutimaj vidindaĵoj, iru kaj ĉeestu kelkajn procesojn ĉe la Old Bailey. Anglaj juĝejoj estas unikaj. La tono de la tuta procedo estas malvarma, trankvila kaj ĝentila. Oni neniam tirane traktadas la atestantojn. La akuzito havas ĉiun ŝancon sin defendi. Li rajtas atesti, se li volas, sed se li preferas, li rajtas resti silenta. Oni ofte sentas, ke ĉiuj leĝistoj kaj, super ĉio, la juĝisto, kunvenis en la juĝejo por senkulpigi la akuziton. La akuzito certe havas ĉiun ŝancon, tamen, kiel dirus la angloj, ĝi ne estas sensenca afero. La « racia dubo », kiun brita juĝantaro devas senti, antaŭ ol senkulpigi akuziton, ja devas esti racia. Alia trajto de anglaj procesoj estas la absoluta aŭtoritato de la juĝisto. Averto, vorto de interrompo, aŭ ofte nura brovsulkigo de la juĝisto sufiĉas por ĉesigi disputon. « Kiel plaĉas al via juĝista moŝto » diras la advokato, kaj akceptas la decidon. La angloj ne kredas, ke iliaj juĝistoj estas superhomaj ; ili nur bone ludas la rolon. Iu devas havi aŭtoritaton, kaj devas esti unu persono, kies decidojn oni akceptas. La angloj elektas viron kun vasta scio kaj de senkulpigebla karaktero, tiam, se li faras erarojn, almenaŭ li ilin faras bonintence. La angloj ne kredas, ke iliaj juĝistoj estas maleraremaj, ali ili ne estus establinta Juĝejon de Kriminala Apelacio. Ili scias, ke kelkaj juĝistoj faras fiimponajn diraĵojn kaj stultajn komentojn, sed ili akceptas tiujn stultajn diraĵojn kun la saĝaj ; bonhumore, preskaŭ sklave, ĉar iu devas havi aŭtoritaton.

Ĉu tio signifas, ke la angloj estas sklavemaj kaj adoras aŭtoritaton ? Certe ne. Ili ne adoras aŭtoritaton, sed akceptas ĝin volonte — kun unu grava modifo. Ili mem devas esti la fonto de ĉi tiu aŭtoritato. Oni renkontas ĉi tiun fenomenon en multaj aferoj de la angla vivo — en la Parlamentejo kiel ankaŭ sur la futbalkampoj. En la plej multaj landoj sur la Kontinento futballudoj havas iom militan karakteron. Ludantoj argumentas kaj kverelas kun la juĝanto kaj iliaj subtenantoj preterlasas nenian okazon provi minaci, timigi kaj insulti lin. En Anglujo la fajfado de la juĝanto decidas ĉiun argumenton same kiel la stariĝo de la Prezidanto de la Parlamento silentigas ĉiujn voĉojn kaj decidas ĉiujn kverelojn. Sed la Parlamento scias, ke la aŭtoritato de la Prezidanto estas fine ĝia aŭtoritato. Prezidanto havas grandan potencon, ĉar estis la Parlamentanoj, kiuj tute volonte donis la potencon. Li uzos sian potencon tiel longe, kiel la Parlamento permesos sed, aliflanke, tiel longe, kiel li ĝin posedas, ĝi estas absoluta kaj ĉie respektata. Aparte de la profunda amo, kiun oni sentas por la nuna Reĝa Familio, la sama ideo troviĝas en la brita akceptado de, kaj amo al, la monarkio. La angloj fidele ludas la rolon.

*Ludemo.*

La lasta angla eco rilatas al ilia amo al ludoj. Ili amas ludadi ; ĉiuj el ili, infanoj ĉiuaĝaj. Ili ludas futbalon kaj kriketon, kaj salonludoj nenie estas tiel popularaj, kiel en Anglujo. Dum la unua Mondmilito la francaj soldatoj konsterniĝis kaj agaciĝis, vidante, ke anoj de la Brita Ekspedicia Armeo ludis futbalon dum horoj. Ili opiniis, ke la Britoj ne serioze pritraktis la militon. Kiam ili vidis, ke la anglaj soldatoj tiel bone batalis kaj tiel kuraĝe mortis, ili forlasis tiujn akuzojn sed restis konfuzitaj. Malgraŭ ĉio ĉi la angloj multmaniere estas pli maturaj ol iu alia popolo. Infana ĵaluzo, vanteco, memkontenteco, ludas pli malgrandan rolon en iliaj seriozaj agadoj ol en la agadoj de aliaj.

Ili ja ludas futbalon kaj ili amas salonludojn. Tamen, kiel ajn infanecaj ĉe siaj ludoj, ili estas seriozaj kaj sagacaj en komerco, dum multaj aliaj popoloj estas infanecaj en komerco, sed opinias sin maturaj, ĉar ili kartludas kaj sin indulgas per sensencaj amludoj (rigardataj kiel sensencaj de milionoj de angloj, almenaŭ) anstataŭ per futbalo kaj salonludoj.

### ESPERANTISTA KULTURDOMO

Kastelo « Grésillon » Francujo

*Restadoj dum la jaro* 1961

*Paskaj libertempoj :* 23 marto — 5 aprilo.
Kurso de Esperanto. Konversacioj. Bindarto ktp.

*Dum somero* 1961 la kastelo « Grésillon » akceptos samideanojn de la 20-a de junio ĝis la 12-a de septembro.

1-a *Periodo :* 20 junio — 10 julio.
Kurso de Esperanto por komencantoj. Turismaj Karavanoj-Ripozo.

2-a *Periodo :* 10 julio — 24 julio.
INTERNACIA RENKONTIĜO : prelegoj, diskutoj, ekskursoj, ktp.

3-a *Periodo :* 24 julio — 7 aŭgusto.
Supera Kurso de Esperanto. Kurso por komencantoj. Kurso de Franca lingvo por eksterlandanoj pere de Esperanto (laŭ la petoj).

4-a *Periodo :* 8 aŭgusto — 29 aŭgusto.
Esperantistaj kaj Kulturaj Semajnoj : tri kursoj de Esperanto.

5-a *Periodo :* 30 aŭgusto — 12 septembro.
Praktika kaj supera kursoj de Esperanto sub la aŭspicioj de UEF. Direktoro : S-ro Ribot.

De la komenco de junio ĝis la 10-a de julio, kaj de la 27-a de julio ĝis la 7-a de aŭgusto, la Kulturdomo proponas al la grupestroj kaj Turismaj organizoj programojn de 7-taga aŭ 10-taga ekskurso-periodo tre zorge ellaboritajn.

Petu informojn de :

Kastelo « Grésillon », Baugé (Maine-et-Loire) Francujo.

★

### LA OFICIALA KAJ INTERNACIA SPECIMENFOIRO DE BARCELONA (Hispanujo) UZAS ESPERANTON

Same kiel en 1960 ankaŭ en la nuna jaro tiu ĉi foiro (unu el la plej gravaj) eldonas sian oficialan afiŝon en Esperanto.

Temas pri belega afiŝo kun moderna plukolora desegno en la formatoj 70 × 100 cm. kaj 30 × 40 cm. Belega por ekspozicio !

Tiun juvelon oni povas ricevi senpage, sed estus utile, ke la petantoj menciuj, kie la afiŝo estos montrata (vendejo, turismoficejo, stacidomo k.t.p.) ĉar la celo ja estas propagandi la foiron ĉie.

Interesitoj turnu sin al :

Feria Oficial e Internacional de Muestras, Negociado de Propaganda, Paseo de Maria Cristina, Barcelona - 4.

### PRI ESPERANTO EN TAŜKENT (UZBEKISTANO)

En Taŝkent, ĉefurbo de Uzbekistano, nun ankaŭ kreskas Esperanto-movado, estas kelke da rondetoj, malgranda Sekcio.

Esperanto ĉe Domo de sciencistoj de Akademio de Sciencoj de UZ. S.S.R. En 1958, 1960 estis tralegitaj po 6 Lekcioj pri Esperanto.

★

Ni atendas lego-lerno-libron de Sergeir, kiu devas esti presita en kvanto 100.000 da ekzempleroj kaj enhavas 8.000 vortojn, — sufiĉe solida lernilo.

En fino de 1961 ni atendas VORTARON kun 35.000 vortoj, sub la redakcio de nia fama lingvisto, D-ro profesoro E.A. BOKAREV. Oni kalkulas nombron da Esperantistoj en nia urbo ĝis 200-300. Pli precize ni ne scias. Laŭ informo en MOSKVO el LENINGRADO de 1958, en tuta U.R.S.S. estas 26.000 Esperantistoj, nun certe, pli multe, ĉar nombro da Esperantistoj ĉiam pligrandiĝas, kvankam ne tre rapide. Multaj lokaj geesperantistoj korespondadas kun aliaj landoj, apartaj eĉ ĝis kelk-dekoj da landoj, interŝanĝas librojn, poŝtkartojn, albumojn, allumetojn, poŝtmarkojn. Iaj opinias, ke nun en U.R.S.S. estas entute ĝis 100.000 Esperantistojn. Mi opinias, ke plimalmulte. Bedaŭrinde, neniu scias nombron en tutmondo.

K. AFANASJEV.

★

### LA 39-a GERMANA ESPERANTO-KONGRESO

Okazos je Pentekosto, de 20-a ĝis 22-a de majo 1961, en Bad Hersfeld, situanta en la mezo de Germanujo (hodiaŭ tute apude de la zona limo, en la okcidenta parto). Eksterlandaj gesamideanoj estas kore invititaj. Informojn volonte donas la LKK de la Kongreso en *Bad Hersmeld, Unter der Stiegel* 27 (*Germanujo*).

★

**Danke al Esperanto, S-ano SAPERAS, instruisto en VIRE (Calvados) Franclando, povis trovi siajn hispanajn familianojn (kelkaj el ili elmigris al Argentinio).**

Por atingi tiun rezultaton S-ro Saperas turnis sin unue al S-ro D. Dalmau, prezidanto de la Barcelona Esperantista Grupo (en julio 1960, S-ro Dalmau prelegis en Kastelo de Grésillon : tie S-ro Saperas konatiĝis kun li). Poste, S-ro Olive, delegito de U.E.A., zorgis pri la familia serĉado en la regiono de Lerida. Post multaj klopodoj, korespondado kaj telefonado, la rezultato estis trafita. S-ro Saperas ĝoje trovis familianojn, kiujn milito kaj revolucio de li apartigis : praktika atingaĵo !

## RADIO-ZAGREB

ondolongo 264,7 m, elsendotago — ĵaŭdo
elsendohoro — 23 laŭ MET

PROGRAMO POR APRILO 1961

La 6-an : Rivero Sava de la elfluo ĝis la enfluo.

La 13-an : Intervjuo kun la junaj astronomoj-esperantistoj.

La 20-an : La jugoslaviaj komponistoj de la moderna muziko.

La 27-an : Respondoj al korespondantoj kaj novajoj el la movado.

## RADIO-ROMA

La dissendoj okazas de h. 18.55 ĝis h. 19.10 (M.E.T.).

Ondlongoj : metroj 30,90
» 41,24
» 50,34

Prelegantoj : marde : alterne S-ro L. MINNAJA kaj Prof. D-ro V. MUSELLA.
merkrede : S-ro Luigi MINNAJA.
vendrede : Prof. D-ro Vincenzo MUSELLA.

APRILO 1961-a

mardon la 4-an : Tra la literaturo.
merkredon la 5-an : Kuriero de Esperanto.
vendredon la 7-an : « Reviviĝo », religia himno de A. Manzoni.
mardon la 11-an : Novajoj el Italujo.
merkredon la 12-an : Kuriero de Esperanto.
vendredon la 14-an : Leterkesto kaj bibliografio.
mardon la 18-an : Italaj kanzonoj en Esperanto.
merkredon la 19-an : Kuriero de Esperanto.
vendredon la 21-an : Romo kaj ĝiaj kanzonoj.
mardon la 25-an : Grandaj italaj poetoj : Torquato Tasso kaj la dramo de lia vivo.
merkredon la 26-an : Kuriero de Esperanto.
vendredon la 28-an : Franciskana literaturo : Tomaso el Celano.

## ESPERANTO-PROGRAMOJ DE LA VOĈO DE AMERIKO PRI USONO SUB PREZIDANTO KENNEDY

Je la kvara fojo la Voĉo de Ameriko dissendos serion da radio-programoj en Esperanto la 17-an, 24-an kaj 31-an de marto kaj la 7-an de aprilo 1961. En logika daŭrigo de la tria serio, kiu pritraktis la elektojn, la kvara serio donos bildon de Usono sub la nova Prezidanto John Fitzgerald Kennedy. Sonbildoj de gravaj okazajoj, raportoj, intervjuoj kaj la bone konata rubriko de **Demandoj kaj Repondoj** ilustros la bazan idearon, la programon kaj la gvidantajn personojn de la Kennedy-registaro kaj klarigos la rolon de la Prezidanto, de liaj ĉefaj kunlaborantoj, de la Kongreso, de la tribunaloj kaj de aliaj gravaj institucioj, ankaŭ la signifon de la Respublikana opozicio.

Por atingi diversajn partojn de la mondo, ĉiu el la kvar 30-minutaj programoj estos disaŭdigata kvarfoje : je 3.30 h. (laŭ la horsistemo de Greenwich) sur la ondlongoj 19.83 kaj 16.92 metroj (15130 kaj 17735 kilo cikloj), ĉefe por Suda, Centra kaj Norda Ameriko (je 0.30 h. ĵaŭde vespere laŭ loka tempo en Meksikio, Gvatemalo, Centra Usono kaj Kanado, je la 10.30 h. en Kubo kaj la orientaj partoj de Usono kaj Kanado, je la duono post noktmezo en Argentino kaj Brazilo) ; je 11.00 h. (la 8-a vespere vendrede en Japanujo) sur ondlongo de 41.92 m (7155 kcs), ĉefe por Orienta Azio ; je 12.00 (la 7-a kaj duono vespere en Indonezio) sur la ondlongo de 19.72 m 15210 kcs), ĉefe por Sudorienta Azio ; je 22.00 h. (la 11-a vespere en la plimulto de eŭropaj landoj) sur la ondlongoj de 31.20 kaj 48.62 m (9615 kaj 6170 kcs), ĉefe por Eŭropo kaj la apudaj regionoj de Azio kaj Afriko. Ĉiuj elsendoj estos aŭdeblaj ankaŭ en aliaj paroj de la mondo.

Raportojn pri la ricevo kaj opiniesprimojn pri la enhavo bonvolu sendi al **D-ro William Solzbacher, Voice of America, Rm. 2528 HEW, Washington 25, D.C., Usono.**



## MARGENAS NOTOS AL U.K.

(fino)

Unu fina afero. Kiam oni parolas pr la angloj oni ofte inkluzivas ĉiun alian nacion, kiu loĝas interne de la landlimoj de la Unuiĝinta Regno — Skotojn, Kimrojn, Irlandanojn kaj tiun de Cornwall. La diferenco inter ĉi tiuj nacioj estas sufiĉe granda por ciu, kiu loĝas en Britujo, sed por la ekstera mondo ĝi estas multe pli malgranda, ol ili mem emas kredi.

(el la angla : N. HANSEN).



## MALLONGE

La svisa firmao E. Schiltknecht uzas esperanton sur siaj komercaj presaĵoj.



La franclingvaj programoj de B.B.C. menciis esperanton en sia rubriko « Je voudrais savoir » de 29 kaj 30-12-60.



La komunuma konsilantaro de Anderlecht, antaŭurbo de Bruxelles, decidis nomi novan straton : « avenuo D-ro Zamenhof, iniciatinto de la universala lingvo esperanto ».



Radio-amatoro (voksigno F 2 j A) provas organizi grandan rondon tra la mondo kaj estigi kontaktojn inter rad. esp. amatoroj per mallongaj ondoj.



Professeur d'Epéranto pour aveugles par aveugles, en Roumanie.

(Extrait du journal « Les aveugles vous parlent », Revue mensuelle, janvier 1961, n° 49-37, rue du Louvre, Paris).

# RECENZOJ

> *La redakcio recenzigas nur duope ricevitajn librojn, ĉar 1 ekzempleron ricevas la biblioteko.*

**DRAGO KRALJ. — Kvar prelegoj pri esperanta literaturo.** — Eld. Slovenia Esperanto Ligo, Ljubljana 1960, 190 p., 6,25 NF.

Eble estas ankoraŭ frue por entrepreni historion de la esperanta literaturo. Kaj fakte, se oni esceptas la pure propagandajn skribaĵojn pri la temo, en kiuj oni ĝenerale listigas kiel eble plej multe da nomoj kaj titoloj sen distingo pri la valoro de la verkoj, ni disponas nur pri kelkaj studoj, ĝenerale sub esea formo: sur tiu tereno *De Paĝo al Paĝo* de Totsche konservas sian unikan lokon.

Drago Kralj havis, sub modesta formo, ampleksan ambicion: skizi la evoluon de la esperanta literaturo de la komenco ĝis nia epoko, prezenti la ĉefajn aŭtorojn kaj verkojn, katalogi kiel eble plej multe da aŭtoroj, eĉ duarangaj, kaj ilustri tiujn studojn per karakterizaj tekstoj (nur poeziaj). Lia libreto, rezulto de prilaboro de kvar prelegoj faritaj por instruista seminario, estas fonto de multnombraj kaj valoraj informoj pri la aŭtoroj kaj verkoj.

La mankojn de tiu verko konscias kaj konfesas la aŭtoro mem en sia antaŭparolo. Ni ne parolu pri la klasifiko, kiu ne estas pli malbona, ol iu alia: ĉiu klasifiko estas ja iel arbitra. Sed estas pli grave: tre ofte, Drago Kralj rezignas pri persona aprezo de la verkoj kaj regalas la leganton per la konsterna formulo: « la recenzistoj opinias, ke... ». Foje, li simple kopias erojn de artikoloj el la *Enciklopedio de Esperanto* aŭ aprezojn el diversaj fontoj sen uzi citilojn. Ekzemple, por prezenti la « Dek-du Poetojn », li iom facile parafrazas la enkondukajn vortojn de Kalocsay, jen ŝanĝante vortojn, jen aldonante malprecizon (la « kelkaj versoj » de Stillman, kiuj « longe postsonoras en la anima » estas la *Japaneska Kanto*), jen pekante kopi- (aŭ pres-?) eraron: « Grandtono de ŝia poezio... » (pri Hilda Drezen) estu legata: « grundtono ». La ripetataj kliŝoj: « matura poeto », « perlo de la originala literaturo »..., ankaŭ ne impresas agrable.

Cetere, oni povas kritiki la elekton de la pecoj. Tian kritikon evitos neniu antologio — kaj ĉi tiu libro estas ankaŭ antologieto — kaj oni prave povas respondi, ke pri gustoj oni ne diskutu. Sed Drago Kralj havas tendencon prezenti la « kredkonfeson » de la poetoj (tiel li agas kun Miĥalski, Deŝkin, Marjorie Boulton ekzemple), kaj tial li elektas versaĵojn ne ĉiam la plej bonajn.

Ekzemple, ĉu vi ne opinias, ke la *Koro de Poeto* de Deŝkin, p. 75, (al kiu cetere algluiĝis erare tute alia poemo « Kovras sunon nuboj densaj » cetere pli bona), cedus volonte lokon al strofo de la *Marai Skizoj*?

Mankas en la libroj prozaj tekstoj, « pro nuraj teknikaj kaŭzoj », sed ĉu vere teknikaj kaŭzoj malpermesas presigi almenaŭ kelkajn liniojn, kiuj reliefe prezentus la prozon de Baghy, de Jean Forge, de Schwartz au de Szilagyi (por citi nur ĉi tiujn)? Oni ja povus por tio oferi kelkajn versaĵojn: kial ekzemple represi tutece versaĵojn de ĉiuj konataj aŭ almenaŭ ĉie troveblaj (*La Espero*, *Al la Fratoj* k.a.)?

Entute, la verko aspektas « lerneja ». Tio respondas al la celo de la aŭtoro. Sed por ludi plene la rolon de lernolibro kaj « vojmontrilo », kiun difinas la aŭtoro, la libro devus esti malpli densa, pli kara, do, se necese, malpli plena, pli limigita. Tiam la simpleco estus pli ŝatata ol la kelkloka supraĵeco, kaj al la klasifikoj oni pardonus la arbitron, konsiderante ilian pedagogian rolon. Necesus por tio liberiĝi el la « prelega » formo, kiun konservis la libro.

Ĉu ni aldonu kelkajn rimarkojn? Ni memorigu al Drago Kralj, ke antaŭ subprepozicio decas lokigi komo, ke la artikolo post *kies* estas pli ol superflua, kaj ke « sin enui » (p. 108) estas barbarismo. Ni invitos lin korekti du erarojn en titoloj de verkoj « Elementoj latinaj en Esperanto » (ne « latinidaj ») kaj « La Ĝoja Podio » (ne « podiumo »).

Kaj post tiuj kritikoj (tion oni ja devas atendi de recenzanto, ĉu ne, malgraŭ fortika tradicio) ni gratulos la aŭtoron, ĉar lia tasko estis malfacila, kaj lia laboro certe helpos la lernantojn, speciale la ekzamenotojn, de nia literaturo, kaj donos al multaj esperantistoj pli precizajn ideojn pri la evoluo de nia literaturo, kaj espereble instigos ĉiujn al lego — aŭ relego — de niaj bonaj aŭtoroj kaj al malkovro de nekonataj verkoj. Pro ĝia formato ĉi tiu libro povas troviĝi ne nur sur la breto de ĉiu serioza esperantisto, sed ankaŭ en ties poŝo.

Michel DUC GONINAZ.

***

**« Por nova afero, nova maniero ».** — 200 paĝa broŝurita libro, eldonita en Peking 1952, prezo 6 steloj + 10 % sendkostoj (t.e.: 2,10 NF + 10 %) ĉe UEA libro-servo.

Tiu ĉi libro entenas kolekton de 13 Noveloj ĉerpitaj el la monata revuo de ĉina Esperanto ligo; « *El Popola Ĉinio* ».

Ĉiuj rakontoj datumas de la alveno al la regadpovo de la komunista partio kaj celas komprenigi al la leganto « kiel batalas kaj vivas la popolo de nova ĉinio.

Pro tio kelkaj el la noveloj temas pri la militluktoj kontraŭ la japanoj kaj poste kontraŭ Ĉjang Kaj Ĉek kaj

Usonanoj en Koreo : *Lotus lago — Infana espero — Tri senrivalaj bravuloj — Feliĉo — Historio de fera ĉeno.*

Ili celas montri la suferojn de la ĉinoj, fariĝontaj soldatoj, kaj ties sekvantan konvinkon kaj malcedemon.

La aliaj anekdotoj estas ege interesaj : ili pentras, kiel malnovaj kutimoj malaperas : infano-edziĝoj en « *Ne dolĉas melono, deŝirata perforte* » ; ruinigaj edziĝfestoj en « *Por nova afero nova maniero* », kiu cetere titolas la libron ; individueco kaj egoismo de la terkulturistoj antaŭ la neceso helpi unu la alian (post disdonado de la tero) sed ankaŭ unua paŝo al la « kolĥozo » en « *Nodo malligita* » ; dolora malapero de la manlaboro kaj altrudado de la maŝinoj en « *la kotonmaŝino* ».

Ĝi montras, kiel malpreciza estis la ĉina juro, kaj sekve kiom multajn eblecojn povis uzi senskrupulaj homoj por ekspluati malriĉulojn en « *ĵen ĉang ĵuan kaj la tri terposedantoj* ».

Ĝi respegulas ankaŭ, kiel dolora estas la neceso mem labori por estintaj terludonantoj jam maljunaj, kiuj tute ne scias nek kapablas la metion de terkulturisto en « *la tero* » ; aŭ kiel estas peniga por la novaj elitoj ankoraŭ ne scipovaj por majstri sian novan rolon en « *la malgranda administranto* ».

La libro estas do interesa ; oni tuj vidas, ke la unuaj pripensoj de la ĉina popolo estis (la libro datumas de 1952) la tero. En pluraj noveloj ĝi montras naivecon, emocion, ankaŭ sentan subtilecon ; kio ne mirigas nin de tiu tre malnova kaj antikve civilizita popolo.

Legante tiun ĉi libreton oni ankaŭ sciiĝas pri kelkaj popularaj esprimmanieroj : anstataŭ diri simple « ili disiĝas », la ĉinoj ofte diras : « *Surdulo ludas fajrkrakaĵon* ». Ĉar surdulo ne aŭdas la eksplodon sed nur vidas, ke ĝi disiĝas. Tio memorigas nin, ke la ĉinoj tre frue inventis la fajrkrakaĵon kaj ke — eble pro tio — fajrkrakaĵo kaj ties aludoj fariĝis ankaŭ frue popularaj.

Anstataŭ diri « Kvankam mi mem ne tion faris, tamen mi vidis aliajn fari tion », ili ofte diras « *se mi neniam manĝis porkaĵon, almenaŭ mi vidis porkon kuranta* », kiu esprimo pensigas min, ke porko estas tre populara mangaĵo en ĉinujo.

Ankoraŭ bildiga esprimo, signifanta furioza : « *Kun pufanta barbo kaj elstarantaj okuloj* ».

La ĉinoj bezonis karesajn nomojn por alparoli konatojn aŭ ne konatajn personojn kaj kreis « onjo'n » por la virinoj kaj « oĉjo'n » por la viroj. Ni jam sciis : « pli aĝa frato » K.E. per la romanoj de Pearl Bück kaj aliaj, kaj tio konfirmas tiun scion pri la ĉina ĝentileco. Ni konstatis ankaŭ, ke la ĉinoj, kiel la italoj, nomas siajn filojn per « la unua », « la dua », « la tria » (italoj antaŭnomoj : Primo, Secundo...).

La stilo estas bona, eĉ eleganta, ni nur trovis en unu rakonto « prezidanto », kiu fakte devus esti « prezidantino » ; eble tiu vorto ne ekzistas insekse en la ĉina lingvo. Sed kontraŭe mi citu multajn elegantajn formojn eble ankoraŭ ne kutimajn aŭ akceptitajn ; jen-

p. 17 : *vidu, kiel arogantas...*
p. 29 : *mi ne vin urĝigas.*
p. 115 : *Li-Er-Niu nur hm-is anstataŭ respondi.*
p. 156 : *la aeroplanoj ĉie bombadas.*
p. 156 : *niaj kredoj identas* (estas identaj, identiĝas-fariĝas identaj).
p. 168 : *io falis klake el la pakaĵo.*
p. 168 : *kian utilon havas ĝi ?*
p. 172 : *pruviĝis vana.*
p. 172 : *ni larmis ŝtele* (ni ploris kaŝe).
p. 173 : *ni restu tiel senage ? neniel !*

J. Manceau.

***

**KANTO POR NI.** — **Kajero 3.** — Kompilita de A. Papler. Eld. Slovenia Esperanto Ligo, Ljubljana 1960, 2,50 NF.

Dek-tri kantoj por la junularo, kun forteplana akompano. Krom « La Internacio » kaj « Ho, mia kor' » (melodio de Vili Ŝĉuka), temas pri tradukoj de diverslandaj popolaj kantoj, ne tre konataj. Esperenble tiuj kantoj pliriĉigos la repertuaron de la kantemuloj. Sed ĉu la francujaj esperantistoj estas kantemaj ?

Michel Duc Goninaz.

***

**ERNA STAROVASNIK.** — **La Varma Rivereto.** — Ilustris Ive Subic. Eld. Mladinska Kjinga, Ljubljana 1960. Eldonkvanto : 1500 ekz. Prezo : broŝ. 1, 75 NF ; bind 3 NF.

Tiu dua esperantlingva volumo el la serio « Abeleto » prezentas feinan rakonton pri malriĉa patrino kaj bonkora fileto. Bedaŭrinde, la ilustraĵoj de Ive Ŝubic — akcepteblaj en *La Ŝtelita Lampo* pro ilia fantazio kaj koloroj — ne ŝajnas al mi tre plaĉaj por infanoj. La unua provo — *Mojca Etulino*, jam elĉerpita ! — estis certe pli bona. Tamen la entrepreno de la eldonisto estas gratulinda, kaj novaj titoloj estas atendataj.

Michel Duc Goninaz.

---

Nous sommes heureux d'adresser à nouveau nos remerciements au journal « Le Monde des Philatélistes » dont le rédacteur en chef, M. Vitalyos, a généreusement accepté d'assurer le service gratuit de sa revue au Musée International d'Espéranto à Vienne depuis novembre 1959. C'est, en effet, depuis cette date que notre ami J. Rousseau y assure une rubrique en Espéranto.

***

**JOSEF CINK. — Junulara Kantareto.** — Eld. Esperanto-Rondeto ĉe Kulturdomo de ROH en Ostrava-Poruba, 1960, 54 kantoj kun muziknotoj. Prezo : 5 respondkuponoj.

« Ĉi tiun vojon mi certe iris jam
Ho jes, mi nun rememoras... »

diras japana kanto el la nova kantaro eldonita de ĉeĥaj samideanoj. Foliumante ĝin, mi rememoras vojon iritan antaŭ... kelkaj jaroj. La kantoj, kiujn mi kantis, kiam mi fariĝis esperantisto, gravuriĝis en mi kiel memoraĵoj el la frua infaneco.

Jen ili denove, fidelaj, naivaj, foje mallertaj (« Ni envicigis ankaŭ kantojn, kiuj el poezia vidpunkto ne havas altan nivelon, sed la junularo ŝatas kaj ofte kantas ilin », diras — kiom prave — la kompilinto). Jen *Sankta Luĉio, La Fluanta Tajdo, Kiu jen aŭdigas sin*? kaj la karmemora *Sari Marejs*...

Ĉu licas en recenzo malkaŝi personajn, eĉ intimajn, sentojn ? Sed Vi, seriozmiena samideano, kiu legas min, espereble havas ankaŭ en la koro kelkajn melodiojn, kiuj tie ekloĝis en iaj feliĉaj tagoj kaj obstine zumas. Do Vi min komprenas ; do ni eble renkontiĝos por kanti kune,

« Ĉar kuraĝon ĉiam donas melodi' ».

Do vi havigos al vi la *Junularan Kantareton* por helpi la eble forgeseman memoron.

Michel DUC GONINAZ.

---

**KELKAJ RIMARKOJ PRI :**

*Précis grammatical d'espéranto*. — Jam ni posedas dokumentilon pri esperanto kaj nia movado : *L'Espéranto cet inconnu*, sed en tiu ĉi broŝuro la ĉapitro dediĉita al la lingvo mem estas iom tro malriĉa je detaloj ; multaj punktoj de la gramatiko estas preterlasitaj ; sekve, niaj samideanoj devas disponi etan broŝuron por disdoni aŭ pruntedoni al tiuj, kiuj volas ekkoni nian lingvon, antaŭ ol decidi, ĉu ili lernos ĝin aŭ ne.

Tiun rolon deziras ludi tiu ĉi *précis*, kiu enhavas la tutan gramatikon de Esperanto sen vortlistoj kaj sen ekzercoj. Pro tio ĝia prezo estas tre malalta : 1 NF.

*Grezijono invitas vin*. — Povas esti uzata kiel propagandilo kaj diskonigilo de nia Kulturdomo, sed ankaŭ kiel legolibro, ĉar en ĝi ĉiuj tekstoj estas dulingvaj : esperantaj kaj francaj. La franca samideanaro certe ŝatos dissendi tiun ĉi broŝuron al siaj alilandaj gekorespondantoj, tiom pli, ke ĝia prezo estas denove tre malalta : 1 NF.

***



---

**GRAVA ARTIKOLO PRI ESPERANTO EN LA REVUO « LA PRESSE MEDICALE »**

« La Presse Médicale », semajna medicina revuo, tutmonde konata, publikigis en sia numero 56 de la 17. decembre 1960 franclingvan artikolon de nia eminenta samideano D-ro Andreo Albault, de Toulouse. Ĝi ampleksas pli ol tri paĝojn kaj celas informi kuracistojn kaj ĝenerale sciencistojn enlandajn kaj eksterlandajn pri la graveco kaj prestiĝo de nia lingvo kaj de nia movado. La aŭtoro presigis la artikolon ankaŭ sur aparta broŝuro.

El la bulteno « Sudfranca Stelo ».

---

« Deziras interŝanĝi p.m. en kompleta serio. Chang Nai Faun, Wenduer Miao Mining Bureau, Zhurike, Inner Mongolia, China ».

Mi certe rekompensos vin per *neuzitaj* p.m. de Ĉinio, aŭ aĵojn laŭ via deziro. Antaŭdankon !

*

# GAZETARA SERVO (E. MOTILLON)

### FAISONS LE POINT

Au cours de l'anné 1960, j'ai reçu 223 coupures de journaux. Parmi celles-ci, 82 sont des articles de diverse importance, souvent illustrés de photos. Un seul, nettement défavorable ; un autre, bien qu'essentiellement favorable, ne conclut pas, laissant ce soin au lecteur. Les autres coupures concernent de courtes informations ou des communiqués des groupes locaux. Ainsi, nous pouvons conclure que, presque chaque jour, la presse française publie une information concernant le mouvement espérantiste. Résultat appréciable, pour lequel nous devons féliciter les correspondants qui, dans toutes les régions, luttent efficacement contre notre plus grand ennemi : l'ignorance et l'indifférence de la masse.

A ce sujet, je dois constater que tous les articles ne me sont pas communiqués. Il m'arrive aussi de recevoir des coupures sans aucune des indications nécessaires : nom et adresse du journal — fréquence de parution (quotidien, hebdomadaire, mensuel, etc.) date de l'article. Prière d'indiquer sur l'enveloppe ou la bande. le nom de l'expéditeur, ce qui permettra, au besoin, de demander des renseignements complémentaires.

★

**Le Moulin des Apprentis,** organe de l'association du même nom, publie régulièrement des articles en faveur de l'espéranto. Dans un récent numéro, très belle photo du pavillon « ESPÉRANTO », réalisation des apprentis.

★

**Ames Vaillantes,** publication pour les fillettes — un des plus importants tirages des journaux pour enfants — a publié dans son n° du 11-12-60, une page de bandes dessinées racontant l'histoire du Dr L. L. ZAMENHOF, bienfaiteur de l'humanité.

★

### ARTIKOLOJ RICEVITAJ DUM NOVEMBRO

**Oran Républicain.** — Un Congrès pas comme les autres (5-10).

D'Alger (sen nomo de la jurnalo). — L'espéranto dans les écoles. — La Section Espéranto de la M. J. C. de Nemours reprend ses activités (26-10).

**Le Républicain Lorrain.** — Qui veut apprendre l'Espéranto (19-11).

**L'Union** (Epernay). — La Champagne au Congrès de Montélimar (6-6). — Hommage du Groupe d'Epernay au Dr Zamenhof (21-12-59). — Les Espérantistes Sparnaciens à Grésillon (15-8) — Ces trois articles avec photos. — Cour d'Espéranto à Ay (9-11). — Le Congrès de Bruxelles — avec photo (9-11). — Le Dr Zamenhof à Radio-Luxembourg.

**La Nouvelle République** (Tours). — Un espérantiste yougoslave au Groupe Espérantiste (4-11). — Au Cercle Culturel Espérantiste : « Yougoslavie, mon pays », conférence par M. Perdrag Perkovitch (8-11).

**Courrier de l'Ouest** (Angers). — Tziganes et Gitans au Cercle Espéranto. — Le Créateur de l'Espéranto honoré sur les ondes (19-11).

**La Croix** (Paris). — Les espérantistes français iront à Montélimar (2-3).

**Le Républicain du Centre** (Orléans). — Un espérantiste Orléanais en voyage dans les Balkans (6-7).

**Le Pontissalien** (Pontarlier). — Informations Espéranto (19-11).

**Est Républicain.** — Cours d'Espéranto (14 et 15-11). — En Suisse, l'Espéranto est à l'honneur (édition régionale — Doubs) (30-11).

**L'Indépendant** (Perpignan). — En novembre, 6 articles et informations — notamment : passage d'espérantistes étrangers.

**Les Nouvelles** (Les Andelys). — L'UNESCO et l'Espéranto.

**Les Echos d'Alsace et de Lorraine** (Colmar — hebdomadaire). — Une monnaie mondiale (19-11).

★

### ARTIKOLOJ RICEVITAJ DUM DECEMBRO

**Les Nouvelles** (Les Andelys). — 3 informations sur l'Espéranto dans le monde.

**La France Sinistrée** (Organe de la Fédération des Sinistrés publié à Strasbourg). — La tribune Espérantiste (n° 32).

**L'Indépendant** (Perpignan). — 9 articles, parmi lesquels : Exposition philatélique ; Semaine Pédagogique ; Causerie sur le Dr Zamenhof ; Remise de décorations à des membres du Cercle Culturel, avec photo.

**L'Impartial** (Les Andelys). — Club Espéranto (9-12). — L'avenir de l'Espéranto (31-12).

**La Dépêche du Midi** (Toulouse). — Emission d'un timbre à l'effigie du Dr Zamenhof au Brésil (11-12). — Exposition du Livre Espéranto (2-12 et 12-12 dans les éditions du soir et du matin, avec photos). — **La Langue Internationale en 1960,** conférence de M. Albault (22-12, avec photo).

**Le Réveil Socialiste** (Tours, hebdomadaire). — Deux informations sur la Langue Internationale.

**L'Espoir Socialiste** (Lens, hebdomadaire). — Sous le titre « ESPÉRANTO », excellent article donnant un aperçu de la vie du Dr Zamenhof et des possibilités actuelles de l'Espéranto.

**La Nouvelle République** (Tours). — Cercle culturel Espérantiste (1-12).

★

### ARTIKOLOJ RICEVITAJ DUM JANUARO 1961

**Paris-Normandie** (Rouen). — Assemblée Générale du lCub Espéranto aux Andelys (12-1). — Conférence de M. Ribot au lycée (18-1).

**L'Impartial** (Les Andelys). — Le Club Espéranto (6-1).

**La Nouvelle République** (Tours). — Au Cercle Espérantiste : Anatole France (31-1).

**Nord-Littoral** (Calais). — Une enquête internationale sur la technique pianistique, avec photo (5-1).

**Sud-Ouest** (Bordeaux). — 5 informations parues en décembre.

**La France** (Bordeaux). — Cours d'Espéranto chez les employés de commerce (29-11).

**Ouest-France** (Rennes). — M. Saperas, instituteur à Vire, retrouve sa famille espagnole, en partie émigrée en Argentine, grâce à l'Espéranto.

**Courrier de l'Ouest** (Angers). — Au cercle Espéranto. 4 articles sur la veillée consacrée au peuple juif : « Des ghettos à l'Etat d'Israël ».

# PAĜOJ EL NIA ORIGINALA LITERATURO

**El la « Verda Biblio »** de Izrael Lejzerowicz (1935). Paĝoj 5 kaj 50-54.

*Antaŭvortoj :* [...] Por la plimulto tiu ĉi libro fariĝos neelĉerpebla fonto de supozoj, konjektoj kaj ne findiritaj pensoj [...] La komentantoj, kiel ĉiam, legos inter la linioj, eldraŝos ĉiun vorton, ba ! ekzamenos ĉiun literon, kaj venos al tiom sensaciaj konkludoj, ke ili minacos perturbi la pacan kunvivadon de la verda popolo. Tial mi anticipe volas averti ĉiun leganton, en kies kapo povus eventuale naskiĝi ia genia konjekto aŭ supozo : ne komentu la Verdan Biblion ! Sciu, ke ĝia aŭtoro verkis ĝin en frivola inspiro, en rondo de gajaj, ŝercemaj kaj mokemaj muzoj, sidante antaŭ kurba spegulo kaj surpaperigante ĉion, kion li vidis en ĝi. Kaj ofte mi vere vidis aferojn kuriozajn sed ridindajn...

## ĈAPITRO XIII

En la Festo de la Libro venis foje mia amata filo kaj profeto, Kalsurmano Galoŝej, kaj metinte sur sian kapon sakon da cindro, li elploris antaŭ mi elegion el sia koro :

Sinjoro ! Sinjoro !
Kiel Streĉita Kordo estas mia koro
Kaj mi estas trista.
En primaver' vi vestis la ĉielon
Per volbo majesta, kaj zefiron tepidan
Vi lasis bloveti super niaj kapoj
Kaj Vian gracon vi per ĝi alblovis
Kaj ne torporis por la orakolo,
Snufante vian saĝon kiel nardodoron.
Kaj min obsedis la inspiro fajna,
Mi lernis de la birdoj plendĉirpadon.
Kaj mi ekkantis kanton, kiu ŝprucigis
Angoron kaj aflikton, ĉar popolo via
Obscena kaj obskura versojn ne legas.
Versojn oni ne aĉetas, ho Sinjoro !
De tiu morna kaj dura fato
Mi volus fuĝi kaj eskapi.
Vi helpu min, Sinjoro ! Tuta mondo
Ja estas nur kiel skabelo via.
Via inspiro, kiel svelta virino
Kun mia muzo ligu sin en nupto,
Kaj tiam eksusuros vers' tenera
Kaj tuta mond' reeĥos kun refreno.
Anĝeloj tiam descendos el ĉielo
Kaj ekzaltite flustros jubilante :
Inkubo pasis. La poet' koncipis,
Kanzonojn belajn ĉirpas lia koro.
Lascivaj satanoj bremsos la libiton :
Ne licas ja poeton tiam tenti.
Kaj ili hurlos en hororo kaj eruptos
Kolero la ilia.
Kaj mia muzo langvoriĝos kaj ascendos
Olimpon altan, disipos siajn fruktojn al la dioj,
Kaj miajn versojn mi oferos al vi kiel predon.
Ne stumblos mi en Lingvo Stilo Formo,
Ŝokan skorion de poezio mi fortaŭzos.
Ripozos mi sub mandagoro de parnaso
Kaj cicon de l'futuro mi suĉados.
Sed dume helpu min, Sinjoro, en la sufero,
Miraklon grandan faru en via popolo,
Ke ili versolibrojn ekaĉetu,
Ke ili versolibrojn ekaĉetu !

## ĈAPITRO XIV

Kaj aŭskultinte la elegion de Kalsurmano Galoŝej, la popolo ekploris ploron amaran. Ĉar ili ĉiuj estis afliktitaj kaj angoro peza premis iliajn korojn. Pro tio, ke ili komprenis nenion el la kanto de Galoŝej. Do ili venis antaŭ la Sinjoron kaj ekploris ploron amaran, dirante : Sinjoro ! Sinjoro ! Kompatu nin ! Per mil belaj promesoj oni logis nin en la verdan popolon, ĵurante al ni viandon kaj lakton. Facilan lingvon mirinde konslernis la sanktan Fundamenton kaj ĉiun sufikson kaj lernis la sanktan Fundamenton kaj ĉiujn sufikson kaj prefikson forĝis en la kapojn. Sango de nia sango, kaj karno de nia karno fariĝis la Radikaro. Kial do oni nun turmentas nin per fremdaj radikoj, kiujn la grundo ne akceptas ? Ili multiĝas kiel sablo ĉeborda, turmentas nian memoron, forpelas la dormon el niaj okuloj. Ekstermu la neologismojn, ho Sinjoro, kaj lasu nin ĝui la ĉarmon de la oficiala radikaro. Por ke plenumiĝu la vortoj de l' profeto : simpla, fleksebla kaj facila estas la verda lingvo. [...]

*Rimarko de P.C. :* Je paĝo 52, antaŭlasta linio, de *El la « Verda Biblio »* efektive troviĝas, kiel ni represis ĉi-supre, la formo — supozeble mispresita — *libito;* la kunteksto sugestas *libidon.*

## GRAVA INFORMO PRI LA INTERNACIA KAMPADLIBRETO

La Estraro de la F.I.C.C. kaj la Ĝenerala Kunveno aprobis la dezir-esprimon, kiun I.C.I.E.K. prezentis koncerne la tradukon en Esperanto de la teksto de la Internacia Kampadlibreto.

Tiu esperanta teksto estas presita sur movebla folio por esti enfiksita en la libreton de la Naciaj Federacioj, kiuj petos ĝin.

La kampadistoj, kiuj deziros havi la libreton kun la Esperanta teksto, devas peti ĝin de sia klubo.

Tiu esperanta folio estas disdonita de post la fino de januaro.

Do ! tuj de nun antaŭavertu vian klubon, ke vi deziras havi la esperantan tekston en via kampadlibreto, por ke via klubo petu ĝin de sia Federacio.

Kaj bonvolu informi ĉiujn kampadistojn per ĉiaj rimedoj pri tiu ĉi afero, por ke ĉiuj petu la esperantan tekston en sia kampadlibreto.

## NOTO POR LA ESPERANTA GAZETARO

Ni petas de la Esperanta Gazetaro represigi la ĉi-supran artikolon. Antaŭdankon.

El « Informa Bulteno N° 12 » I.C.I.E.K.



## UNE CONFERENCE SUR L'ESPERANTO

## A LA PORTÉE DE TOUS

## « ESPERANTO-DIAPOSITIVES »

Grâce à 30 vues diapositives d'une exposition circulante, et à une bande magnétique qui les accompagne, il est maintenant possible à quiconque d'organiser une causerie sur l'*Espéranto*.

Particulièrement valable pour *Cercles Cuturels*, Conseils de Parents d'Elèves, Amicales, Auberges de Jeunesse, etc...

Le commentaire (si l'on ne dispose pas de magnétophone) peut être fourni pour être lu.

Pour renseignements complémentaires, s'adresser à *Lentaigne, 3, av. de la Gaillarde, Montpellier*, contre enveloppe timbrée à votre adresse.



## KARAVANO AL HARROGATE

U.E.F. organizos karavanon al la kongreso de Harrogate.

Principe ni foriros vendredon, la 4-8 je 22h en stacidomo St-Lazare : tra Dieppe kaj Londono ni atingos Harrogate sabaton je 13 h 26.

Por la reveno ni forlasos Harrogate sabaton je 14 h kaj per la sama vojo alvenos al Parizo dimanĉon je 6 h.

## U. E. F.

Februaro-marto 1961

*Membres bienfaiteurs :*

| | |
|---|---|
| S-ro Belhoste. | F-ino Peche. |
| S-ino Vaujuas. | S-ro Marly. |
| D-ro Maillard. | S-ro Llorens. |
| S-ro Van Haelemeersch. | S-ro Beliard. |
| S-ro Garrigue. | F-ino Lemonnier. |
| S-ro Ribot. | S-ro Tribouillard. |
| S-ro Jullien. | F-ino Artigaud. |
| S-ro Delahaye. | S-ro Gicquel. |
| S-ino Prud'hon. | S-ro Bastien. |
| S-ro Llech-Walter. | F-ino Fercocq. |
| F-ino Llech-Walter. | S-ro Philippe. |

*Dons :*

| | N.F. |
|---|---|
| S-ro Lecocq | 3 |
| S-ro Crochet | 1,60 |
| S-ro Jacob Horst | 2 |
| S-ro Legret | 1 |
| F-ino Lemonnier (por la sekretariejo) | 6 |
| S-ro Monnot | 3 |
| S-ino Santreuil | 5,60 |
| S-ro Blondeaux | 2 |
| S-ro Salzmann (por F.E.) | 4 |



## KIUJN INTERESAS SCIENCOJ KAJ TEKNIKOJ ALVOKO AL ĈIUJ

Materiaj malfacilaĵoj (precipe la subita rezigno de la Redaktoro S-ro Roelofs) malebligis la Sciencan Revuon aperi de aprilo 1960.

Ĉiujn esperantistojn, kiuj opinias, ke estas necese pligrandigi la sciencan movadon en niaj vicoj, alvokas la Estraro de I.S.A.E. por reorganizi la asocion laŭ tiuj bazoj :

*Kreado de fakseķcioj :* studentoj, teknikistoj, juristoj, inĝenieroj, geografiistoj, ktp.

Ĉiu faksekcio : a) eldonos laŭebleco fakrevuon.
b) delegos membron al I.S.A.E.

Tiel fariĝos I.S.A.E. federacio de faksekcioj ; ĝi eldonos komunan informan Bultenon (provizore aperos en Jugoslavio). La bultenabono kun jarkotizo estos 10-15 steloj).

Ĉiuj esperantistoj estas invitataj esprimi sian opinion pri tiu propono, ĉu ili estas ISAE-anoj aŭ ne.

Bonvolu ankaŭ sciigi al mi a) vian aliĝon al la Sekcio(j) kiu(j) rilatas vian sciencan, teknikan aŭ profesian agandon.

b) ĉu vi konsentas esti 1) delegito de tiu sekcio ; 2) komuna delegito de I.S.A.E. por Francujo.

Mi petas la nunajn I.S.A.E.-anojn *ne* sendi al mi monon antaŭ ol oni scios la definitivan kotizon.

D-ro Jacques BOULOGNE.

# Hautvillers

## Koro de la Ĉampana Regiono

kie naskiĝis la kreinto de la fama vino, Dom-Perignon

Dum la ekskurso oni trairos la vilaĝon.



Dom Pérignon

LE VIGNOBLE

(Klišoj. Agence Havas).

Langres. — Imprimerie Moderne

Le Gérant : J. GUILLAUME.